IXª jaro. Nº 145 (9) ☆ Duonmonata ☆ 20 Majo 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La moralaj kaŭzoj de la militoj

III

Mi volonte konfesas, ke ne ankoraŭ tutpotenca estas tiu kriterio, nome ke la politika idealo celu la progreson de la socio. Nia politika mentalo estas ankoraŭ regata de la Romana aŭ Mezepoka simbolismo; nin ankoraŭ hipnotigas la metafora lingvo. La idealo de la demokratio plej ofte sin limigas je la celado de nuraj abstraktaĵoj, kiuj havas nenian rilaton kun la morala kaj materia progreso de la homaro. La manio de la teritoriaj konkeroj pruvas la persistecon de iluzio, por kiu oni restas preta ĉion oferi. Tamen tiu idealo, kvankam ĝin subtenas niaj formuloj kaj tradicioj, cedas iom post iom al la nerezistebla premado de la faktoj. Antaŭ tridek jaroj oni ne estus povinta kompreni, ke popolo aŭ regnestro trankvile permesas la apartigon de parto de sia regno sen la forto de la armiloj. Tian spektaklon ni tamen vidis antaŭ nelonge en Skandinavio. De 1870 Germanujo kreis al si multe da malfacilaĵoj per la aneksado de Elsaco-Lotaringio; ĝi tamen devis permesi provon de loka, konstitucia kaj memstara registaro. De duonjarcento la tuta politiko de la brita imperio detruis la signojn de la konkerado. Ĝiaj kolonioj ne plu estas kolonioj aŭ posedaĵoj; ili estas memstaraj regnoj. Anglujo, kiu dum pluraj jarcentoj, multe oferis por reteni Irlandon, nun faras aliajn oferojn por favori ĝian memstarecon. Pli kaj pli la politikaj kombinaĵoj kaj la politikaj ideoj estas taksataj per tiu kriterio: „Kiuj estas la profitoj por la interesataj loĝantaroj?"

Estas vere, ke la partianoj de la milito pro psikologiaj kaŭzoj povas alie argumenti. Ili povas diri, ke, kvankam la demandoj, kiuj dividas, la regnojn havas pli- malpli ekonomian karakteron, tiuj samaj ekonomiaj demandoj estas redukteblaj je morala problemo, je demando pri rajto. La nacioj militos por respektigi siajn rajtojn en ia ekonomia demando, eĉ se pri tiu punkto ili per la venko ne ricevus la centonon de tio, kion al ili kostis la milito. Malgraŭ tio, ke ne ekzistas reala kontraŭeco de interesoj inter la nacioj, ĉar la naciaj interesoj dependas unu de la aliaj, sufiĉas por kaŭzi militon ia sensignifa konflikto, kiu subite revekas pasiojn kaj kolerojn. La milito estas tiam rezultato de kolero aŭ furiozo, kiel montras ofte la homo, dank'al la demono, kiun ĉiu havas en si.

Tamen, kvankam plena de konfuzaĵoj pri tiu punkto, la militarista literaturo ordinare ne akceptas, ke la militon povas kaŭzi nuraj kolereksplodoj. Ili kontraŭe asertas, ke la militarista politiko estas gvidata en profunda, malvarma, makiavela maniero, tute fremda je ĉiu demando pri sento aŭ pasio. Tiuj aŭtoroj neas, ke la milito havas akcidentan karakteron. Ili opinias, ke ĝi respondas al precizaj kaj fatalaj leĝoj, kiel ĉiuj manifestiĝoj de la homa evoluado.

Ĉu la militoj rezultas de kolereksplodoj de la popoloj aŭ ne, certe estas, ke la frua preparado de la militoj, la organizado de la armita paco, la vetbatalo de la armadoj, kiuj kaŭzas preskaŭ tiom da malbonoj, kiom la milito mem, ne estas la rezultatoj de tiaj kolereksplodoj.

En la moderna mondo, la multnombraj militpreparoj ne povas esti improvizataj subite sub la premado de la hodiaŭaj sentoj. La konstruado de la militŝipoj, la diskutado kaj la voĉdonado de la militkreditoj, la ekzercado de la armeoj kaj la preparado de la ekspedicioj estas longdaŭraj entreprenoj, kiuj postulas fruan pripensadon. La moderna milito estas ligata je la armita paco kaj — pro la jara voĉdono de la buĝeto kaj la longa tempo necesa por la konstruado de la ŝipoj aŭ de la fortikaĵoj — postulas kontinuan politikon

dum jaroj aŭ eĉ dum generacioj. Se la homoj ripetas tiajn oferojn de monato al monato kaj de jaro al jaro, se ili pagas impostojn, eksigas registarojn kaj batalas ĉe la parlamentoj, tio ne estas por pasema kaprico. Pli kaj pli la pligrandiĝo de la publika prospereco fariĝos la sole ebla senkulpiĝo por tiaj oftaj kaj gravaj oferoj, kiajn oni postulas de ni. Ĉu tio signifas, kiel riproĉas kelkaj kritikistoj, ke mi konsilas al Anglo diri: „Ĉar mi povus esti tiel feliĉa sub la administrado de la Germanoj, tiuj ĉi estu bonvenataj!" Ne, mi simple konsilas al la Germanoj diri: „Ĉar la ekspedicio, kiun oni proponas al mi, ne pligrandigos mian prosperecon, mi restas hejme."[1]

En la realeco la argumento de la aŭtoroj, kiujn ni citis en la antaŭaj artikoloj, bazas sur fakta eraro. La defendantoj de la milito je la morala vidpunkto diras: „Ekzistos ĉiam militoj, ĉar ĉiam la homoj defendos sian moralan, politikan, socian aŭ religian idealon." Ilia formulo devus esti: „Ekzistos ĉiam militoj, ĉar la homoj ĉiam atakos la kredon de la aliaj." Efektive, defendo estas bezona nur se estas atakrisko.

Eĉ la malplej klera el ni scias per la historio, ke la deziro perforte ataki la idealon aŭ la kredon de la aliaj grade malaperas. Je la religia vidpunkto tio estas evidenta; Eŭropo delonge rezignis la ideon perforte trudi siajn religiajn ideojn al la aliaj. Nu, la kaŭzoj, kiuj determinis tiun rezultaton en la religia fako same agas en la politika fako.

En la religia fako estas du kaŭzoj, kiuj havas egalan efikon je la solvado de nia problemo. Unue estas la fakto, ke la homaro sin deturnis de la senfruktaj celadoj kaj dediĉas sin al la ĝenerala plibonigo de la socio. Poste, estas la fakto, ke la regnoj ĉesis esti spirite homogenaj pro la progresado de la komunikiloj; oni ne plu vidis en ia regno religian movadon, kiu limiĝis nur je tiu regno kaj transformis ĝin, dum alia movado transformis alian regnon, sed la religiaj movadoj manifestiĝis samtempe en ĉiuj regnoj.

De longa tempo ne plu ekzistas, en Eŭropo, regno ekskluzive katolika aŭ ekskluzive protestanta. La religiaj bataloj okazis interne de la landolimoj inter samregnanoj; same okazis pri la sociaj aŭ politikaj bataloj. La ideaj konfliktoj naskiĝas ne inter regnoj, sed inter grupoj de sama regno, kiuj agas konsente kun samideaj grupoj de aliaj regnoj. La intelekta kunlaborado, kiu tiamaniere okazas inter samideaj grupoj de malsamaj regnoj respondas al la ekonomia kunlaborado, kiun la labordivido, helpita de la plifaciligo de la komunikoj, kaŭzis senatente je la landolimoj. Fariĝis neeble, ke iu nacia armeo enkorpigas nacian idealon de morala aŭ spirita ordo, tial ke tia idealo nuntempe preterpasas la teritoriajn limojn.[2]

Ekzistas lasta morala argumento por la milito, nome la aserto, ke la milito estus necesa disciplino, kiu certigus la pretervivadon de la plej bonaj. Logike oni povus flanke lasi la refutadon de tiu tezo, ĉar inter ĝiaj partianoj malmultaj kuraĝus transirigi siajn konvinkojn en la praktikon.

La defendantoj de la grandaj armadoj ĉiam asertas, ke tiuj armadoj certigas la pacon. *Si vis pacem para bellum*, ili ripetas. Ili do jam elektis inter la paco kaj la milito, kaj la pacon ili ja elektis. Klopodante konservi la pacon ili do devas akcepti ĝiajn malprofitojn. Ili akceptas, ke la paco estas preferinda ol la milito, kaj ke al ĝi ni devas celi. Kial ili do malŝatas ĝin?

Ni iom atentu la biologian argumenton. La iluzion, sur kiu ĝi bazas, kaŭzas erara apliko de scienca formulo. Ili deklaras, ke la batalo estas kondiĉo de pluvivado ĉe la homo, tiel same kiel en la universo; sed ili forgesas aldoni, ke tiu batalo estas la batalo de la homo kontraŭ la universo, ne la batalo de la homo kontraŭ la homo. „La lupoj ne manĝas unu la alian", eĉ la tigroj; ili vivas el siaj kaptitaĵoj. La rolon de la kaptitaĵo plenumas por la homo nia planedo. La batalo, kiun devas plenumi la homo, estas la batalo de la homa socio por adaptiĝi al la medio, ne la interbatalo de la diversaj partoj de tiu organismo.

La eraro venas el tio, ke oni konfuzas la neperfektan funkciadon de la diversaj partoj de sama organismo kun la batalo inter malsamaj organismoj. Granda Britujo hodiaŭ vivigas 40 milionojn da loĝantoj en bonstato pli granda ol 25 milionojn en la lasta jarcento. Tio ne venas el la fakto, ke la diversaj grupoj, skota, irlanda, angla, kimra, sin reciproke detruis, sed el tio, ke tiuj grupoj pli intime kunlaboris unue inter si, poste kun la fremdaj nacioj.

La Homaro, en sia tuteco, reprezentas la organismon, kaj nia planedo la medion al kiu tiu organismo pli- malpli bone adaptiĝas. La homo malpli uzas la fizikan forton; li celas al la kunlaborado. La homo mem ne estas kompleta organismo. Li mortas, se li volas vivi sen la kunlaborado de siaj kunhomoj. La nacio ankaŭ ne estas kompleta organismo. Se Granda Britujo klopodus vivi sen la kunlaboro de la aliaj nacioj, la duono de ĝia loĝantaro mortus de malsato. Ju pli kompleta la kunlaborado, des pli forta la vivo.

La biologian leĝon oni do devas jene interpreti: kiam la homo sin nerezisteble deturnas de la batalo kaj celas la kunlaboradon, ni simple observas pli kompletan adapton de la organismo (la homo) al ĝia medio (la planedo, la naturo), sekve pli intensan vivon.

Laŭ *Norman Angell*.

*(Daŭrigota.)* A. R.

[1] La verko de Norman Angell estis skribita je la momento de la anglogermana krizo; la ekzemploj estas do ĉerpataj precipe el angloj kaj germanoj. Estas evidente, ke ili estus same ĉerpeblaj el aliaj konfliktantaj popoloj. *(Trad.)*

[2] Ŝajnis tamen, ke la Balkana milito estis grandparte determinita de religiaj faktoroj. *(Trad.)*



## SOCIA VIVO



### Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

VI

Ni forlasas Lima por iri en la Sierra. La vegetaĵo, kiu borderas la riveron Rimac, baldaŭ ĉesas; ni penetras en la dezertan kamparon. La vojo laŭiras la marŝejon, kie oni vidas karavanojn de muloj, kondukatajn de rajdantaj Indianoj, vestataj de *poncho*. Muroj el sekigita ŝlimo markas la limojn de la bienoj; sur la pinto de monteto, ili formas kvadratojn kaj rektangulojn, kiuj havas aspekton de ruinaĵoj. Rabobirdoj peze flugadas.

Ni preterpasis la plantejojn de sukerkano de Santa Clara, kaj ni atingas Chosica, super la nuboj. Tra la blua ĉielo profiliĝas la montoj, giganta amaso de flavaj kaj ruĝaj rokoj. La vagonaro pasas en montogorĝo inter du abruptegaj muroj, el kie ŝajnas eliri kaktoj, rektaj kaj regulaj kiel orgentuboj; en la fundo fluas torento borderata de bambuoj kaj piprarboj; estas la rivero Rimac. Nun, la montogorĝo plilarĝiĝis kaj transformiĝas en fruktodonan valon, oazon kie kreskis tute griza vilaĝo kun domoj el sekigita ŝlimo. Tute proksime de la vilaĝo staras kalvario; sur la piedestalo, la kruco kun la insignoj de la Suferado: la bildo de la kapo de Kristo kronata de dornoj, la ŝtupetaro, la lanco kaj la tuko. Fosto portas lanternon; muloj forgesitaj de sia kondukisto staras senmove ĉe la piedo de la kruco. Aliaj similaj kalvarioj staras en la monto, kaj markas la vojon al la Sierra.

Jen ni estas en la nuda Kordiljero. Ĉirkaŭe, aperas abruptaj montoj; la ruĝa granito elmontras strangajn formojn; sur la pintoj profiliĝas la turoj de fantazia kastelo,

kaj, pli malsupre, grandega monolito havas la konturojn de sfinkso. Sur la vojetoj la aroj da *Llamas* anstataŭis la mulajn brutojn. La vagonaro haltas ĉe kelkaj indianaj vilaĝoj. Virinoj portantaj la infanon sur la dorso preparas en plena aero manĝaĵojn, kiujn ili vendas al la vojaĝantoj; kondukistoj de *Llamas* rigardas, malfeliĉaj homaĉoj ĉifonvestitaj kaj malfortaj, degenerintaj idoj de la gloraj *Incas*.

Noktiĝis. Ni staras tre alte; la spirado fariĝas mallonga kaj la vido konfuziĝas; nin atingas la unuaj signoj de la *sorroche*, la speciala montmalsano de Kordiljeroj. La montoj Meiggs kaj aliaj neĝaj pintoj banas en la dolĉa lumo de la luno. Ni trapasas arĝentajn kampojn; la vatŝajnaj nuboj kunfandiĝas kun la neĝo, el kie eliĝas la nigraj rokoj. La malhelaj makuloj pligrandigas la misteron de la blanka nokto en la dezertaĵo; la bruo de la lokomotivo ne sukcesas rompi la serenan kaj kvietan dormon de la naturo.

Ni nun estas en Oroya, simila al ĉiuj indianaj vilaĝoj de la Sierra. Pli malproksime, malsuprenirante sur la alian montoflankon, staras la regiono de la altaj plataĵoj kun la riĉegeco de la tropika vegetaĵaro... Sed ni devas reiri al Lima.

* * *

La golfo de Panama estas plena de insuletoj, kie kreskas en abundaj masoj la palmarboj, kokosujoj kaj bananarboj. En la fono troviĝas la urbo, malalta kaj blanka. Oni aliras ĝin per vojo, kiu trapasas ĉarme pentrindan pejzaĝon. Tra bukedo de arboj, la akvo de la golfo brilas sub la suno.

Panama estas ligna urbo. La balkonoj invadas la mallarĝajn stratojn kaj iom ombrumas la trotuarojn, sur kiuj pasadas plej heterogena loĝantaro: brunaj Panamanoj, negraj laboristoj, blondaj Usonanoj. La urbo estus ĉarma, se oni estus plantinta arbojn, sed ili ekzistas nur sur la placo, kie staras la malnova hispana ĉefpreĝejo kaj ĉirkaŭ la granda moderna konstruaĵo, kiu entenas la teatron, la Parlamenton kaj la ministeriojn. Pro sia malseketa tropika varmeco Panama estas por la Eŭropanoj kvazaŭ infero. Kia kontrasto kun la urbo, kiun la Usonanoj starigis en kelkaj jaroj por la armeo de la laboristoj okupataj je la fosado de la kanalo! La domoj, konstruitaj sur fostoj, ĉirkaŭataj de galerioj, protektataj kontraŭ la insektoj per veraj kaĝoj el metalfadena teksaĵo, staras en la verdaj ĝardenoj. La stratojn borderas palmarboj. Inter Panama kaj Colon, laŭlonge de la Usona teritoro de la kanalo, estas vico de similaj urbetoj, kies nigraj domoj tranĉe aperas sur la verdaĵo de la arboj kaj de la herbejoj.

La Usonanoj estas ne nur interne de la zono de la kanalo. Ilia potenco sentiĝas en la tuta respubliko, akceptata de multaj Panamanoj. Ĉu ni ankoraŭ estas en latina Ameriko? La boato de la higiena kontrolejo, kiu venis al nia ŝipo, havis la Usonan flagon, la stratoj estas numerataj kiel en Usona urbo, kaj kiam oni trapasas la istmon per la fervojo, oni bezonas ekzercitan orelon por kompreni ĉe la stacidomoj la hispanajn nomojn, kriatajn de usonaj oficistoj. Kiom da junaj Panamanoj, post kelktempa restado en Nov-Yorko, kie preskaŭ ĉiuj plenumas siajn studojn, afektas paroli angle kaj forlasas la uzadon de la patra lingvo.

(*Daŭrigota.*) *Charles Lesca*
Trad.[1] *A. R.*

## La popolaj loĝejoj

III

En Usono laŭ pli urĝega maniero sin prezentas la demando pri la loĝejo, precipe en New-York. Tiu tre mallarĝa urbo, konstruita inter du grandaj riveregoj sur tri kilometrojn larĝa terspaco, disponas nur malgrandan spacon; tial tie la prezoj estas tute supermezuraj, oftege kvadratmetra terspaco kostas 2000 Sm.

Do, New-York ne estas la urbo ideala por la loĝejoj malkaraj, kaj estas facile komprenebla ke, antaŭ tiu supermezura multkosteco de la tero, oni serĉis akiri laŭaltecetion, kion oni ne povis akiri laŭlarĝe, kaj ke oni estis devigata konstrui dekkvin- ĝis dudeketaĝajn domojn.

La laboristaj loĝejoj konstruitaj jam depost 30 jaroj, kaj kiuj estas ĝis dekkvinetaĝaj, havas ion teruran. Ĉar neniu regularo malhelpis, la posedantoj sur tre malvastan lokon estis amasegintaj la konstruaĵojn tiamaniere, ke la de ili aĉetita terspaco estu tute uzita, kaj tiel estis aranĝitaj nur kelkaj unu metron larĝaj promenejoj. Pro tio la malsupraj loĝejoj estis kvazaŭ tomboj, en kiujn neniam eniris aero kaj lumo.

Tia agmaniero ne povis daŭri; regularoj verkitaj laŭ la angla leĝaro estas publikigitaj por plibonigi tion. Leĝo voĉdonita en 1895 malpermesas al la posedantoj kovri per konstruaĵoj pli ol la 7/10 de la de ili posedataj terspacoj, la 3/10 restantaj estas uzotaj por promenejoj kaj ĝardenoj. En ĉiuj grandaj usonaj urboj stariĝis similaj regularoj, la publiko fariĝis pli atenta pri la demando pri loĝejo, societoj por konstruado fondiĝis, kaj la movado rapide disvolviĝis.

En Belgujo, tiu malgranda kaj agema lando, plej bonajn rezultatojn donis bonefika leĝaro.

Efektive, leĝo permesis al la ŝpar- kaj pensiokasoj pruntedoni monon al la kreditsocietoj fonditaj por instigi al la konstruado kaj aĉetado de malgrandaj domoj — la aĉetinto pagos per jarpagoj —. En Belgujo, kiam akcia societo fondiĝas, por ke ĝi estu valide starigita, sufiĉas, ke la akciuloj elpagu la dekonon de la plene konsentita kapitalo. Ekzemple: kredit-societo kies nominala kapitalo estas 40.000 Sm.; tiu societo ekfunkcias kun komence ricevita kapitalo da 4000 Sm. Tuj ĝi turnas sin al la ŝpar- kaj pensiokaso kiu, je la sola garantio de la subskriboj de la akciuloj, konsentas pruntedoni al ĝi 50 % de la ne ankoraŭ ricevita kapitalo, t. e. 18,000 Sm. Tiel la societo disponas 22.000 Sm., kiujn ĝi povos uzi en pruntedonoj al privatuloj, kiuj aĉetos aŭ konstruigos domojn, kaj kiuj promesos pagi la prezon per jarpagoj. Ĉiu tiel akirita domo fariĝas siavice garantio, je kiu la ŝpar- kaj pensiokaso konsentas denove pruntedoni, tiu pruntedono garantiita per hipoteko povos atingi ĝis 60 % de la valoro de la domo. Dank'al tiu sistemo ofte okazas, ke, kiam ĝi estas ricevinta 4000 Sm., nur per la kreditsistemo, societo konstruigas domojn valorantajn sume 60.000 Sm.... Depost 23 jaroj tiu leĝaro ekzistas en Belgujo, la belga ŝparkaso pruntedonis pli ol 40 milionojn da Sm., kaj ĝi perdis eĉ neniun speson.

En Germanujo pri tio nenia leĝo. Sed kiel konsekvenco de la famaj leĝoj sociaj pri pensioj kaj asekuroj, gravaj monsumoj estas kolektitaj, kaj ĉar estis necese ilin utiligi, multaj el tiuj kapitaloj estas uzitaj por konstrui domojn, tiuj kapitaloj estis pruntedonitaj ĉu al komunumoj, al kiuj estis permesite konstruigi, ĉu al privataj societoj. Plie la ŝtato malfermas specialajn kreditojn por konstrui domojn, en kiujn estos loĝataj la laboristoj kaj la oficistoj de la diversaj publikaj servoj.

En Aŭstrio laŭ leĝo de la 9a de februaro 1892 la domoj konstruitaj de la komunumoj por luigo al laboristoj estas malŝarĝitaj je la luaj impostoj; same pri la domoj, kiujn konstruigas por siaj membroj la kooperaj laboristaj societoj.

Per la leĝoj de 1903 kaj 1907 la itala leĝaro similas tiun de Francujo. La ŝparkasoj, la popolaj bankoj kaj la kooperaj societoj pruntedonas monon je maksimume 4,50 %.

En Svisujo ne ekzistas federacia leĝo pri loĝejoj malkaraj, sed la kantonoj kaj la komunumoj povas agi laŭ

[1] El *Revue d'Europe et d'Amérique*.

sia propra deziro. La Genèv'a ŝtato per diversaj leĝoj voĉdonitaj de 1896 ĝis 1903 kunhelpis al la konstruado kaj vendado de laboristaj loĝejoj.

En Danujo leĝo de la 22a de aprilo 1904 starigis pruntedonservon al la komunumoj, kaj sub la garantio de la komunumoj al privataj societoj por konstrui laboristajn loĝejojn; la pagota procento estas 3 %; dum kvin jaroj sumo da 166.000 Sm. estas difinita ĉiujare por tiu servo.

En Nederlando ekzistas preskaŭ simila leĝaro; al la societoj la ŝtato pruntedonas je 4 % sub la garantio de la komunumoj.

Tute freŝdata estas la hispana leĝaro; ĝi datumas de 10 junio 1911, kaj estas verkita laŭ la belga kaj franca leĝaro.

Ni finis tiun rapidan ekzamenon pri la en Francujo kaj alilande faritaj klopodoj por la plibonigo de la loĝejo, kaj ni povas diri, ke neniu civilizita lando flanklasas tiun gravan demandon.

Trad.[1] *L. Crébely* (Del. Dôle).

## La mirakloj de la lumo

Pro tio, kion mi tuj diros pri la efikoj de la lumo, multaj legantoj sendube skuos la kapojn kaj estos tiel surprizitaj, kiel oni iam estis surprizitaj per la eltrovo de la senfadenaj telefono kaj telegrafo, de gramofono, de kinematografo k. t. p. Ĝenerale, nia jarcento estas riĉa je miraklaj inventoj. Kia progreso de post la momento, kiam la homo timis la fulmon kiel dian koleron, ĝis la nuna tempo, kiam la sama forto, timata kaj mistera, fariĝis forto de komuniko, lumigo, maŝinlaboro k. t. p.!

Kaj simile kiel la homa genieco, firma volo kaj alta inteligenteco sukcesis venki la aeron kaj la aliajn elementojn, tiel ankaŭ la medicina scienco sukcesis penetri en la misteron de la lumo kaj ĝiaj sep koloroj, venki kaj profite uzi iliajn proprecojn pro utilo de la homaj sano kaj komforto.

Per la lumo — sola lumo — pli ĝuste per ĝia unu parto enhavanta specialajn resanigajn radiojn t. n. ultraviolaj aŭ ĥemiaj, oni nuntempe povas efike kuraci la lupuson, teruran malsanon, kiu estas kaŭzita de la tuberkulozaj baciloj kaj kiu plej ofte ekokupas la vizaĝon, terure ĝin konsumas kaj detruas ĉion, eĉ la nazon.

Antaŭ la trovo de la lumkuracado, kiun ni dankas al la juna dana kuracisto Niels Finsen, tiu ĉi malsano estis opiniata nekuracebla. Al tiu ĉi granda eltrovinto la malfeliĉuloj, trafitaj de tiu ĉi malsano, dankas por tio, ke ili restas kreitoj homaspektaj kaj akcepteblaj membroj de la homa socio. Por tiu eltrovo Niels Finsen estis jam en 1903 rekompencita per la Nobelpremio.

La jam cititaj ultraviolaj radioj mortigas bakteriojn, kiuj sidante en la haŭto, kaŭzas diversajn malsanojn. Kaj ĉar la lupuso estas tuberkulozo de la haŭto kaŭzita de baciloj, oni povas ĝin elkuraci per tiuj ĉi radioj. Tiuj baciloj estas mortigataj per la intensa lumado de alcentrigitaj ultraviolaj radioj de la suna aŭ elektra lumoj.

La lupuso troviĝas ofte ĉe la malriĉuloj. Eble pro tio, ke la pureco kaj korpa nutrado ne estas tie sufiĉaj.

Al ĉiuj homoj bonvolaj mi konsilas neniam kraĉi sur la plankon kaj nepermesi tion ankaŭ al aliaj. Ne sole pro tio, ke ĝi neniel estas bonmaniera, sed precipe pro tio, ke la granda parto da lupusoj naskiĝas el tia kraĉo! La tuta procedo estas proksimume tia: Tuberkuloza homo kraĉis hejme sur la plankon. Malgranda infano ludas sur la planko kaj dum tio kaptiĝas malantaŭ ĝiaj ungetoj iom da pituito, eble jam seka, sed tamen ĉiam ankoraŭ enhavanta kulturojn de tuberkulozaj baciloj. Se la infano ekgratas sin aŭ iun alian, ĝi transportas kaj enigas la tuberkulozan bacilon en la haŭton. Se la infano havas ekzemon, la tuberkuloza bacilo tiom pli facile povas esti enigita en la malsanan haŭton. Ni do ne kraĉu la plankon, ni ja ne scias, kiajn terurajn sekvojn tia kraĉo povas naski.

Kaj same ni ne permesu, ke iu kisu niajn infanojn! Per la kiso oni povas transporti tuberkulozan bacilon.

La eltrovo de Finsen havis gravegajn sekvojn. Ĝi kaŭzis la grandan revolucion en la kuracado ne sole de la malsanoj kaŭzitaj de la bakterioj, sed ankaŭ ĉe aliaj haŭtmalsanoj. Kaj kiam en 1901 la scienculoj el ĉiuj landoj de la tero, kuniĝintaj en internacia kongreso en Breslau, vidis tie malsanulojn de Finsen sanigitajn per la lumo, ekposedis ilin ne sole ĝoja miro, sed ankaŭ forta deziro ankaŭ tiel kuraci. Ili ĉiuj kunportis la fervoron hejmen kaj atingis tion, ke al Finsen migris el la tuta mondo ne sole malsanuloj kuracotaj, sed ankaŭ kuracistoj kun flegistinoj por studi, aŭ senditaj en Kopenhagon de la registaroj aŭ irante propradecide. Baldaŭ poste tiaj lumkuracaj institutoj estis fondataj en ĉiuj progresemaj landoj, fariĝante ĉie grandega bonfaro por miloj da malsanuloj.

Finsen kompreneble trovis tiom da fervoraj kaj laboremaj kunlaborantoj, ke tiu scienco ankaŭ post lia frua morto bele ekfloris kaj atingis tion, ke nun per la lumo estas forigebla ne sole la jam citita lupuso, sed ankaŭ „vizaĝa fajro“, naza akneco kun ruĝetiĝo de la nazo (acne rosacea), ekzemo, psoriazido (psoriasis), haŭtmalsanoj kaŭzitaj de diversaj ŝimoj, lentugoj, hepatmakuloj, cikatroj post vundoj k. t. p.

Per la ultraviolaj radioj oni atingas plibonigon de la haŭto kaj artan haŭtbruniĝon; ĉar sole ili brunigas, ĉu estas ilia fonto la suno aŭ elektra lampo, kompreneble speciale aranĝita por tiu celo.

La sama sorto, kiu trafas la tuberkulozajn bacilojn sub la radioj ultraviolaj trafas ankaŭ la ŝimojn, kiuj kaŭzas diversajn malsanojn de haroj. La senhareco, kaŭzita de la ŝimoj, foriĝas preskaŭ ĉiam. En la stadio de elfaliĝado de haroj la rezultato estas plej rapida kaj plej certa.

*(Daŭrigota.)* D-ro *Ed. Slavik.*

Trad. *Rud. Hromada* (Praha).

## La aĝo de l'tero

Sekve de sia preskaŭ fantazia grandegeco la aĝo de l'tero longatempe estis nedifinebla per helpo de ĉiuj sciataj esplorrimedoj. Eminenta angla fizikisto lordo Kelvin provis kalkuli ĝin sur bazo de la malvarmiĝado de l'tero kaj taksis ĝin pli- malpli je cent milionoj da jaroj. Ĉi tiu nombro estis unika serioze atentinda ĝis la fino de XIXa jarcento, kiam gravegaj eltrovaĵoj en sfero de radiokreanteco pruvis, ke radiokreantaj elementoj, eksterordinare disvastigitaj, kvankam en stato de nemezurebla maldensigo, produktas kvanton da varmo, sufiĉan por kompensi efikon de l'memmalvarmiĝado de l'tero. Ĉi tio kaŭzis malakcepton de la teorio de lordo Kelvin kaj samtempe donis alian pli senperan kaj pli certan metodon por difino de l'aĝo de l'tero.

Kolosa malfacilaĵo de ĉi tiu problemo estis: trovi fenomenon, kies daŭro-tempo signigus sin mem tiamaniere, ke ĉiu pasinta jaro restigus postesignon nedetrueblan kaj facile deĉifreblan. La radiokreanteco liveris al ni tian fenomenon, agantan ĉie, kie ekzistas radiokreantaj elementoj kaj antaŭ ĉio minaĵoj de radiumo.

Dank'al gravaj ĥemiaj laboroj oni nun nerefuteble pruvis, ke radiumo dismetiĝas ĥemie kaj finfine ŝanĝiĝas je plumbo kaj heliumo (la gaso plej malpeza post hidrogeno). Ĉi tiu spontanea dismetiĝo estas tiel malrapida, ke radiumo postulas

[1] El l'*Action Jurassienne*.

ĉirkaŭ 2000 jarojn por malgrandiĝi ĝis la duono de sia kvanto. Tamen, se ni konsideros longajn daŭrojn de geologiaj epokoj, ni konkludos, ke post multaj milionoj da jaroj radiumo nepre devus tute malaperi, eĉ se dum malmoliĝado de la tera ŝelo, ĝia kvanto estus pleje grandega. Por komprenigi la fakton, ke radiumo nun ekzistas, oni devas hipotezi, ke ĝi senĉese renoviĝas. Jen, oni rimarkis, ke en ĉiuj minaĵoj de radiumo ĉiam troviĝas uraniumo, kiu ankaŭ estas radiokreanta, kaj oni supozis, ke, nome, ĝi produktas radiumon. Precizaj esploroj montris, ke tiu ĉi hipotezo posedas ĉiujn ecojn de efektiva fakto.

Sekve — kaj ĉi tio estas fundamenta — uraniumo, ĉiam kunestanta en radiokreantaj minaĵoj, dismetiĝas spontanee kaj estas origino de heliumo kaj plumbo. Ĉar malaperado de uraniumo estas mirinde malrapida, eĉ rilate al geologiaj epokoj (6 miliardoj da jaroj por malgrandiĝo ĝis la duono), oni do povas ĉesi esplori, de kio devenas uraniumo mem. Oni tre precize prikalkulis, ke unu gramo da uraniumo donas en daŭro de unu jaro unu dekmiliononon de kubocentimetro da heliumo kaj unu dekmiliardonon de gramo da plumbo. Por ekscii, kiam malmoliĝis iu radiokreanta minaĵo, sufiĉas difini, kiom ĝi enhavas da uraniumo, heliumo kaj plumbo. Laŭ la kvantoj de du lastaj oni prikalkulas malaperintan kvanton de uraniumo kaj laŭ ĝia proporcio al la kvanto nemalaperinta — la tempon, dum kiu daŭris la aliformiĝado.

Tiamaniere oni esploris tre grandan nombron da minaĵoj kaj certiĝis, ke ili difiniĝos, des pli maljuna ju pli malproksima estas geologia epoko, al kiu ili apartenas. Por difino de l'aĝo de l'tero oni elektis la plej malnovajn ĝiajn tavolojn, kiuj devis esti kreiĝintaj dum la komenco de malmoliĝado de la tera ŝelo. La rezultatoj estas tre malegalaj: la prikalkulo, bazita sur heliumo, faras 700 milionojn, la bazita sur plumbo — 1500 milionojn da jaroj. Ĉi tiu diferenco sekvas, verŝajne, de tio, ke ioma kvanto da heliumo devis malaperi el la ŝtono sub pezega premado de multaj centoj da atmosferoj. Laŭ ĉi tiu vidpunkto la nombro, rilatonta plumbon, estas pli certa.

La problemo do ne estas jam definitive solvita, sed la rezultatojn ĝis nun ricevitajn oni devas opinii tre altvaloraj, ĉar aliformiĝo de uraniumo je heliumo kaj plumbo tute ne dependas de malinternaj kondiĉoj. Esploroj de P-ro P. Curie pruvis, ke per ĉiuj atingeblaj rimedoj oni neniel povas eĉ plej ete plirapidigi, nek plimalrapidigi la spontanean dismetiĝon de radiokreantaj korpoj. Enigita en likvigitan aeron aŭ en temperaturon de elektra forno, radiokreanta elemento malaperadas ĉiam laŭ la sama grado de rapideco; oni do havas plenan rajton hipotezi, ke dum multmultaj milionoj da jaroj la produktado de heliumo kaj plumbo en radiokreantaj minaĵoj efektiviĝas konstante samrapide kaj, sekve, ke tiea kvanto da ili estas ĝusta mezurilo de pasinta tempo.

*Jan. Danysz*

Asistanto de S-ino Curie kaj gvidanto de radiokreanta laborejo en Varsovio

Trad.[1] *J. Chankowsky*, (Subdel. Novo-Minsk).

## La socia stato de la turkino

La lastaj politikaj okazintaĵoj, kies areno estas Balkanoj, kaj kiuj finiĝas tiel malfavore por Turkujo, ĉie ekscitis vivan intereson kaj kritikojn, ĉu pri venkantaj Balkanoj, ĉu pri venkita Turkujo. La disfalo de la lasta estis neatendita disreviĝo por ĝiaj sinceraj aŭ profitemaj amikoj. . . .

La kaŭzojn de la lastaj okazintaĵoj multaj aljuĝis al strategia nescio de la turkaj ĉefoj, aliaj al malbonaj financoj triaj al eventualaj akcidentoj k. t. p. Sed, konfesante, ke ĉiuj suprecititaj argumentoj havas siajn ĝustajn lokojn, laŭ mi, la plej ĉefa kaŭzo fundestas en la morala kaj karaktera defalo de la turkoj.

Jam multo estas skribita pri la turka inerteco kaj mallaboremeco. Ankaŭ oriento jam de longe famiĝis pro sia voluptamo. Certe ĉiuj tiuj ĉi faktoj estas longe kaj profunde studotaj demandoj, kun iliaj kaŭzoj kaj cirkonstancoj. Mi penos nur skizi la socian staton de la turka virino, en kiu ŝi naskiĝas, travivas kaj mortas en la XXa centjaro; ĉar, laŭ mia opinio, ĝi estas la plej grava ulcero de tiu ĉi organismo. La patrinoj kaj lernejoj en iu societo estas samfunkciaj kun la pulmo kaj koro de la korpo, de kiuj trapasas la sango nutronta la tutan organismon; la plej eta malordo neeviteble reagas sur la tuta bonstato de l'korpo. Do oni devas plej forte aspiri ĝian sanigon se oni volas vivi. . . .

*La „teseturo“; rilato de turkoj je virinoj, svatiĝo, edziĝo.* Certe parolante pri turkinoj plej antaŭe ni devas citi la „teseturon“ vizaĝkovradon, — kiu estas propra al islamismo, kaj precipe al turkoj. Tiu, kiu vidis turkinon aŭ aŭdis pri ŝi, ne povas prezenti ŝin al si alie ol io piroforma, envolvita en nigra tolaĵo. Tio memorigis al mi la preĝejajn lustrojn en nigraj tegiloj dum granda fasto. Dum infaneco, en provinca urbo, tiuj malofte renkontataj estaĵoj tiom strange kaj malplaĉe estis impresintaj min, ke antaŭ tri jaroj, kiam mi en unu izola parto de l'ĉefurbo unuafoje vidis vizaĝon de turkino, mi estis ekmirigita kaj surprizita, ke ĝi estas blanka.

Vere, post la proklamo de la konstitucio ialoke ekaperis timplenaj provoj malvuali la vizaĝojn en la strato, sed la „bonaj animoj“ de l'kreduloj tuj ribelis kontraŭ tia pretendo kaj la „Fetva“ (ukazo) de l'Ŝejĥ-ul-Islamo ne malfruis leĝe persekuti tiujn malĉastajn senhontulinojn. . . .“

La rutino de la centjaroj estas tiel firme ĉirkaŭliginta la cerbon de turko, ke li neniel povas toleri, ke lia edzino vidiĝu de iu alia. Ekzemple, tre strange impresas vidi preskaŭ fermitan pordon, de post kiu aŭdiĝas laŭta virina voĉo, al kiu respondas viro, en strato, ne kuraĝante rigardi la fendon de l'pordo.

La koncepto estas, ke iu viro, krom la plej proksimaj parencoj, neniam povas vidi la vizaĝon de alia virino, ĉar . . . li tentiĝus. Jam en tio ĉi forte ekbrilas la tuta koncepto de turko je lia edzino, rigardata kiel propra posedaĵo, ĝuilo. Nenie la homeco de virinsekso estas tiom malŝate komprenata kiom en Turkujo, kie ili estas konsiderataj sole kiel ĝuiloj donacitaj de „Allah“. . . . Tial ni ĝenerale povas diri, ke turko ne amas sian edzinon, sed nur ĵaluzas.

La svatiĝo kaj edziĝo ankaŭ nenie tiom fatala estas kiom en Turkujo. La fianĉinon por junulo trovas kaj aprobas la patrino aŭ proksimaj parencinoj. La fianĉo povas vidi sian fianĉinon, kvazaŭ hazarde, sur la strato aŭ la kampo, sed ofte la gefianĉoj unuafoje intervidas sin en la unua nokto de la edziĝo. Kiaj anektodoj!

Je la unua rigardo tio povas ŝajni egale fatala por ambaŭ seksoj, sed mi devas aldoni, ke la „leĝo“, inspirita kaj skribita de viroj, rajtigas la lastan forpeli lian edzinon en ĉiu minuto, kiam lia koro deziras, nur pagante antaŭe difinitan sumeton, dum la edzino neniel povas lasi sian edzon, krom kelkaj tre gravaj okazoj, eĉ se li prenas alian edzinon aŭ kromvirinon. Ĉu ne kompreneblaj estas la sekvoj de tiaj kuniĝoj? Nur la profunde enradikigita kutimo aŭ fatalismo povas tolerigi al turkino tian vivon kun homo, kiu prenis ŝin ĉu pro mono, ĉu pro beleco, tamen neniel por ŝi mem kiel homo . . . Atentinde estas, ke la turka virino jam de longe estas konsentinta kun sia sorto — ludi rolon de ĝuilo — kaj ŝi ne alie nomas sian edzon ol „mia mastro“. Ŝian tiun koncepton plifirmigas ja la penso, ke „ŝia mastro“ povas preni tiom da ili, kiom li deziras.

[1] Laŭ pola jurnalo „Tero“.

Jam konate estas, ke leĝoj rajtigas al musulmano preni samtempe kvar laŭleĝajn edzinojn kaj sennombrajn kromvirinojn. Certe, en la realeco nur malmultaj havas pli ol unu edzinon; sed en esenco tiu fenomeno neniel estas konsolinda, ĉar la monogamio de turko estas ne pro konscio, sed nur pro malpovo nutri samtempe tiom da „pupoj", kaj la ekzemplo de la Sultano konservanta centojn da leĝaj aŭ preterleĝaj sultaninoj, la haremoj de Paŝa aŭ veziroj neniam ĉesas esti eniinda idealo por ili. . . .

*La hejmo, loĝejo.* La dua rimarkinda parto estas la turka domo, kiun tre facile estas ekkoni de kafesitaj[1] fenestroj. Sed eĉ se ne ekzistus tiu ekstera signo, oni povus facile ilin ekmontri pro la frapanta silento kaj funebra morteco, kiu regas en la turkaj domoj. Nek gaja babilado, nek senzorga kriado de infanoj tintas, vivigas tiujn domojn kiel senvivaj, dezertaj, silentaj estas tutaj stratoj, kvartaloj loĝataj de turkoj.

Tamen plej bedaŭrinda estas la sensenca batalo farata en la turkaj loĝejoj, kontraŭ la suno, pro timo, ke ĝi enkondukos kun siaj radioj la rigardojn de fremdulo. . . . La fenestroj, kies suba duono estas ŝirmita per kafeso, kaj supra duono, fermita per eterne subtirita kurteno, similas al fermitaj okuloj de mortulo. Rigardante ilin, kun pura rezono, ne ensuĉita de superstiĉo kaj ne blindigita de kutimo, neeble estas ne ribeli kontraŭ tia barbareco, kiu po iomete sed senfine detruas tutajn generaciojn. Oni ekmiras, kia mistera forto ensorĉis tiujn kreitajojn, tiel memvole rezignantajn de l'suno, de l'vivo . . .

Certe la latina sentenco *„Mens sana in corpore sano"* nenie estas tiom valorinda kaj ŝatinda kiom en Turkujo. Ĝi devus esti orpentrita sur ĉiu fenestro de turkloĝejo. Sed pli antaŭe ol menso oni devas serĉi vivon en turko-virino. Ĉiufoje, vidante tiujn palajn, subtilajn vizaĝojn, profunda malĝojo kaptas nin. Pasintan jaron Hamd-ul-lah Subhi, unu el la plej kleraj kaj agemaj instruistoj per statistiko montris la evidentan senproporciecon de mortoj kaj malsaniĝoj inter la kristanaj kaj islamaj virinoj, sed ĉio restis kaj restas kvazaŭ ventblovo en dezerto; nenia gazeto revekiĝis, neniu kunprotestis. Ĉu pro tio ke por turkoj ankoraŭ tre malkara estas la vivo de iliaj edzinoj, ĉu ke la fanatikeco surdigas ĉiun rezonon. Kaj atendi, ke virinoj mem ekprovu sian savon, estas absurdajo.

*(Daŭrigota.)* *Maurice Schneider* (Konstantinoplo).

[1] „Kafeso" estas lignaja reto per kiu turkoj ŝirmas fenestrojn por ke oni ne povu rigardi internen.

# ❁ NOTOJ ❁

∴ **La ĉefaj konkursoj de Aviado en 1913.** — *Aeroplanoj.*

1. Kaliko Gordon-Bennett kaj Konkurso de la Aerô-Klubo de Franclando (100.000 fr. da premioj) sur distanco da 200 km; forkaj al-flugo sur la aerodromo de Champagne (apud Reims); kredeble en julio.

2. Ĉirkaŭflugo de Paris (Kaliko H. Deutsch de la Meurthe), 20,000 fr. da premioj; kaliko nun posedata de Helen (monoplano Nieuport, motoro Gnôme) pro lia flugo en daŭro da 1 h 36 m 43 s kaj kun mezrapideco da 126 km hore. Vojo: Saint-Germain, Melun, Meaux, Senlis, Saint-Germain. Por ricevi la kalikon, estos necese atingi rezultaton 10 % superan ol tiu de Helen.

3. Kaliko Pommery (15,000 fr.). Lasta posedanto: Dancourt sur monoplano Borel kun motoro Gnôme, laŭ vojo: Valenciennes-Biarritz (850 km).

4. Kaliko Michelin (40,000 fr.). Laŭ regularo de 1911. Plej granda distanco, rondflugado, necese flugi pli ol 2000 km.

5. Premio de la Aero-Celtabulo Michelin (75,000 fr.). Konkurso de jetado de pafaĵoj el aeroplano.

*Hidroaeroplanoj.*

1. Konkurso de Monaco (50,000 fr. da premioj) de la 4a ĝis la 11a de aprilo. Vetkurado super la golfeto de Monaco, krozado de Monaco, San Remo, Monte-Carlo, Beaulieu.

2. De Paris ĝis la maro (100,000 fr. da premioj). Vojaĝo de Paris al la marbordo, alveno apud Trouville-Deauville.

3. Kaliko Schneider (25,000 fr.), internacia konkurso en Trouville-Deauville.

4. Kaliko de la ministerio de l'franca maristaro (50,000 fr.); post la 20a de aŭgusto. Venkintaj aparatoj estos aĉetitaj de l'ministerio je 60,000 kaj 50,000 fr.

Tuta sumo da premioj en tiuj konkursoj estas ĉirkaŭ 500,000 fr.

Cetere aliaj konkursoj estos organizataj.

Kredeble okazos ankaŭ la konkurso pri la senriskeco de la aviadistoj, por kiu oni esperas kolekti 500,000 fr. da premioj. — *L. P. (L.).*

∴ **Internaciaj Kongresoj en Budapest.** — Dum junio 1913 okazos en Budapest la Internacia Kongreso de la libroeldonistoj, kiu promesas esti tre grava. Tiuokaze jam multaj interesaj paroladoj estas anoncitaj de eminentaj ekster- kaj enlandaj eldonistoj. Kiel ĝojigan fakton ni notas, ke laŭ propono de la Budapeŝta esperanta librovendisto, S-ro Kókai, ankaŭ Esperanto estas enmetita en la tagordon sub la titolo „Esperanto kaj la librokomerco". La paroladon pri ĉi tiu temo faros france kaj hungaralingve lia moŝto prelato D-ro Aleksandro Giesswein, la prezidanto de la Hungarlanda Esperantista Societo. Estas tre dezirinde, ke la kongreson aliĝu kaj ĉeestu kiel eble plej multaj esperantaj libro-eldonistoj kaj vendistoj, por helpi la progresigon de nia afero!

— Post la ĉiam pli kaj pli gravaj kongresoj en Washington, Berlin, Kopenhagen, Amsterdam, London kaj Stockholm, kiuj en supreniranta linio estis grava dokumento de la potenca progreso de la virina movado en ĉiuj landoj, la nunjara okazos en Budapest. La kongreson partoprenos ĉiuj konataj pioniroj de la movado, inter aliaj ankaŭ Selma Lagerlöf; krom virinoj de la landoj aliĝintaj al la mondligo por virina voĉdonrajto (Aŭstralio, Aŭstrio, Belgujo, Bohem-, Bulgar-, Dan-, Finn-, Francland, Galicio, Germanlando, Granda-Britujo, Hungarlando, Islando, Itallando, Kanado, Nederlando, Norveg-, Portugal-, Rus-, Sved-, Serb-, Svislando, Suda-Afriko, Usono), ankaŭ reprezentantoj de Ĥinujo, Indio, Persujo k. c. partoprenos la grandan manifestadon.

La labora kaj amuza programo estas riĉega laŭ instrua kaj plezura vidpunkto. La tuta hungara oficiala publiko atendas la kongresanojn gastame. Ĉiuj hungaraj fervojaj linioj donas rabatojn, eĉ kelkaj fremdlandaj, same la vaporŝip-kompanioj. La programo enhavas ekskursojn al la Montaro Tatra, Malsupra-Danubo, Lago Balaton k. t. p.

Ĉar granda multcent-membra interpreta komisiono (ankaŭ kun multaj esperantistoj) zorgos pri la interkompreniĝo de la kongresanoj, la lingvaj malfacilaĵoj estos preskaŭ tute forigitaj. Ĉar la Budapeŝta Esperantista Grupo kaj Hungarlanda Esperanto Societo kunlaboras en la organizado, la alvenontaj esperantistoj havos krom kaj super ĉio ankaŭ koran samideanan akcepton kaj plej bonegan okazon ankaŭ por pruvi al la reprezentantoj de multaj nacioj, ke Esperanto estas „vivanta lingvo de vivanta popolo". La kongreson povas partopreni ne nur la oficialaj delegitoj de la diversaj virinaj societoj, sed ĉiu viro aŭ virino interesata de la movado por la virina voĉdonrajto. La kongresa kotizo estas 10 kronoj (4 Sm.).

∴ **Nombro de universitatoj en Eŭropo.** — La nombro de la universitatoj atingas 130 en Eŭropo, jene dispartigataj laŭ la landoj: Germanujo 22, Italujo 21, Francujo 16, Britujo 16, Hispanujo 11, Rusujo 10, Aŭstrio 8, Svisujo 7, Svedujo 2, Grekujo 1, Rumanujo 1, Bulgarujo 1, Portugalujo 1. Kompare kun la nombro de la loĝantoj sur la unua loko staras Svisujo kun 1 universitato po ½ milionoj da loĝantoj. La lastan lokon okupas Rusujo kun 1 universitato po 12,8 milionoj da loĝantoj.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther [1]

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

La tuta forto de tiuj ĉi paroloj falis sur la malfeliĉulon. Li ĵetis sin teren antaŭ Ĥanjo en plenega malespero, ekprenis ŝiajn manojn, premis ilin al siaj okuloj, kontraŭ sian frunton kaj antaŭsento de lia terura intenco ŝajnis flugi tra ŝia animo. Ŝiaj sentoj konfuziĝis, ŝi premis liajn manojn, premis ilin kontraŭ sia brusto, kliniĝis kun melankolia movo al li kaj iliaj vangoj ardantaj tuŝis sin reciproke. La mondo malaperis por ili. Li ĉirkaŭplektis siajn brakojn ĉirkaŭ ŝi, premis ŝin al sia brusto kaj kovris ŝiajn tremantajn, balbutantajn lipojn per furiozaj kisoj. „Werther!“ ŝi ekkriis kun sufokita voĉo, deturnante sin, „Werther!“ kaj premis per malforta mano lian bruston for de sia: „Werther!“ ŝi vokis kun la trankvila voĉo de la plej nobla sento. Li ne obstinis, lasis ŝin el siaj brakoj kaj sensence genuis antaŭ ŝin. Ŝi ekstaris kaj en timplena konfuzo, tremante inter amo kaj kolero, ŝi diris: „Jen la lasta fojo, Werther! Vi ne revidos min“. Kaj kun la plej plena rigardo de l'amo al la mizerulo ŝi rapidis en la apudan ĉambron kaj ŝlosis post si. Werther etendis la brakojn post ŝi, ne kuraĝis ŝin reteni. Li kuŝis tere, la kapon sur la kanapo kaj je tiu ĉi pozicio li restis pli longe ol duonhoro, ĝis kiam bruo revokis lian konscion. Estis la servistino, kiu volis pretigi la tablon. Li iris tien kaj reen en la ĉambro, kaj vidante sin ree sola, li iris al la kabineto kaj vokis per mallaŭta voĉo: „Ĥanjo! Ĥanjo! nur unu parolon ankoraŭ! nur adiaŭon!“ — Ŝi silentis. Li atendis kaj petis kaj atendis; tiam li forŝiris sin kaj ekkriis: „Adiaŭ Ĥanjo! por eterne adiaŭ!“

Li venis al la urbpordego. La gardistoj, kiuj jam kutimiĝis je li, ellasis lin silente. Li kuregis en pluvo kaj neĝo, kaj nur je la dekunua li ree frapis. Lia servisto rimarkis, kiam Werther venis hejmen, ke la ĉapelo mankis al lia sinjoro. Li ne kuraĝis ion diri, senvestigis lin, ĉio estis malseka. Poste oni trovis lian ĉapelon sur iu roko, kiu ĉe la deklivo de la monteto rigardas en la valon, kaj estas nekompreneble, kiel li ne falante suprenrampis ĝin en malluma, malseka nokto.

Li kuŝiĝis kaj dormis longtempe. La servisto trovis jen skribanta, kiam la sekvantan tagon li alportis la kafon li lia voko. Li skribis jenon en la letero al Ĥanjo:

„La lastan fojon do, la lastan fojon mi malfermas la okulojn. Ili, ha, ne plu vidos la sunon; malhela, nebula tago kovradas ĝin. Do funebru, naturo! via filo, via amiko, via amato proksimiĝas sian finon. Ĥanjo, ĝi estas sento unika kaj ĝi pleje similas la sonĝon malklaran, diri al si: Tiu ĉi estas la lasta mateno. La lasta, Ĥanjo, mi ne havas sencon por la vorto: la lasta. Ĉu mi ne staras en mia tuta forto kaj morgaŭ kuŝos etendita kaj senforta sur la tero? Morti! Kio signifas tio? Vidu, ni sonĝas, parolante pri la morto. Mi vidis pli ol unu mortanta; sed tiel limigita estas la homaro, ke ĝi ne havas komprenon por la komenco kaj fino de sia estado. Nun ankoraŭ mia, via! ho amatino! Kaj momenton — disigitaj, soligitaj — eble por eterne? Ne, Ĥanjo, ne. — Kiel mi povas perei, kiel vi povas perei? Ni ja estas! — Perei! — Kion signifas tio? Ree ĝi estas vorto! Malplena sono sen sento por mia koro. — Mortinta, Ĥanjo! enŝovelita en la malvarman teron, tiel malvaste! tiel mallume! — Mi havis amikinon, kiu estis ĉio mia al mia senhelpa juneco, ŝi mortis, kaj mi sekvis ŝian kadavron kaj staris apud la tombo, kien ili subenigis la ĉerkon kaj la ŝnuregojn zumantajn de sub ĝi resuprentiris, tiam la unua ŝovelilo faligis teron malsupren kaj la timiga kesto donis surdan sonon kaj pli surde kaj ĉiam pli surde kaj fine estis kovrita! Mi teren ĵetis min apud la tombo — tuŝita, emocita, timigita, disŝirita mia interno, sed mi ne sciis, kiel okazis al mi — kiel okazos al mi —. Morti! Tombo! Mi ne komprenas la vortojn!

Ho pardonu al mi! pardonu al mi! Hieraŭ! Ĝi devis esti la lasta momento de mia vivo. Ho vi anĝelo! la unuan fojon, la unuan fojon sendube tra mia plej interna animo ardis la sento, ŝi amas min! ŝi amas min! Brulas ankoraŭ sur miaj lipoj la sankta fajro, kiu elfluegis el viaj lipoj: nova varma ĝojego estas en mia koro. Pardonu min! Pardonu min!

Ha, mi sciis, ke vi amis min, sciis ĝin per la unuaj sentemaj rigardoj, per la unua manpremo kaj tamen, kiam mi ree forestis kaj vidis Alberton flanke de vi, mi denove malesperis en febraj duboj.

Ĉu vi memoras la florojn, kiujn vi sendis al mi, kiam en la fatala societo vi ne povis diri parolon al mi, doni la manon? Ho la duonan nokton mi genuis antaŭ ili kaj ili garantiis al mi vian amon. Sed ha tiuj ĉi impresoj pasis same, kiel la sento de la favoro de sia Dio iom post iom ree foriĝas el la animo de la kredanto, kiu[1] estis donata al li kun tuta ĉiela pleneco en sanktaj videblaj signoj.

Ĉio estas pasema, sed neniu eterneco estingos la ardantan vivon, kiun mi ĝuis hieraŭ sur viaj lipoj, kiun mi sentas en mi! Ŝi amas min! Tiu ĉi brako ĉirkaŭprenis ŝin, tiuj ĉi lipoj tremis sur ŝiaj lipoj, tiu ĉi buŝo balbutis ĉe ŝia. Ŝi estas mia! Vi estas mia! ja, Ĥanjo, por eterne.

Kaj kio estas tio, ke Alberto estas via edzo? Edzo! Tio do estus por tiu ĉi mondo — kaj por tiu ĉi mondo peko estas, ke mi amas vin, ke mi dezirus ŝiri vin el liaj brakoj en miajn? Peko? Bone, kaj mi punas min pro ĝi; mi gustumis ĝin en ĝia tuta ĉiela ĝojego, tiun ĉi pekon, ensorbis balzamon de l'vivo kaj forton en mian koron. De tiu ĉi momento vi estas mia. Mia, ho Ĥanjo! Mi antaŭiros! iros al mia patro, al via patro. Al li mi volas plendi, kaj li konsolos min ĝis vi venos kaj mi flugos renkonte al vi kaj kaptos vin kaj restos ĉe vi antaŭ la vizaĝo de la Senfinulo en eternaj ĉirkaŭprenoj.

Mi ne sonĝis, mi ne supozas. Proksime al la tombo pliheliĝas al mi. Ni estos! Ni revidos nin! Vidi vian patrinon! mi vidos ŝin, trovos ŝin, ha, kaj elverŝos antaŭ ŝi mian tutan koron! Via patrino! via portreto.“

* * *

Ĉirkaŭ la dekunua Werther demandis sian serviston, ĉu Alberto revenis. La servisto jesis, li vidis lian ĉevalon preterkondukata. Je tio la sinjoro donas al li malfermitan paperon kun jena enhavo:

„Ĉu vi volas prunti al mi viajn pistolojn por intencita vojaĝo? Fartu bone!“ *(Daŭrigota).*

[1] **AVIZO.** — La parto de tiu felietono publikigita en nia N-ro de 20 aprilc, estas pli- malpli sensencigita pro erara vicigo de kelkaj paragrafoj. Ni do rekomencas la rakonton post la 5ª paragrafo de la 2ª kolono (pĝ. 108 [4]), kiu finiĝas per tiuj vortoj: „... min serĉos en la kamparo kaj ne trovos.“ *(Red.)*

[1] T. e. la komunio, kiu laŭ la kristana doktrino enhavas korpon kaj sangon de Kristo, sub la formo de pano kaj vino. (Rim. de la trad.)



# Bileto de blankbarbulo

## Solidareco

*En tre sprita artikolo Prof. Muffang[1] montras du klasojn da biciklistoj: unuj simple uzas la bicikleton ĉu por sia plezuro, ĉu por siaj aferoj; la aliaj, male, pasigas la tempon dismetante la diversajn partojn de sia maŝino kaj ĉiam serĉante, kiamaniere ili povos ĝin plibonigi. Eĉ, se tiuj ĉi lastaj sukcesus en sia serĉado, ne dube estas, ke antaŭe la unuj atingos la celon, ĉar, konstatinte, ke sufiĉas ilia instrumento, ili simple uzis ĝin kaj antaŭenveturis.*

*La samon oni povas diri pri nia internacia lingvo.*

*Sed pli grava fariĝas ankoraŭ pri ĝi la demando pro tio, ke ni estas kvazaŭ armeo, ĉe kiu la unua kondiĉo de bonorda kaj sukcesa antaŭenmarŝado estas la plena komuneco, la plena simileco de la armilaro. Eĉ tio, kio per si mem povus ŝajni progreso, se ne akceptita sendiskute de ĉiuj, fariĝus danĝero dank'al la konfuzo alportita tiamaniere en nian tutan movadon.*

*Neniu Esperantisto povas esti tiel blinda, ke li opinias, ke ni jam atingis sufiĉe pacan periodon, por ke ni povu refari armilon, kiu praktike montris sin tute taŭga ĝis nun.*

*Vere, ni estas ankoraŭ en plena batalo, dum kiu ne permesite estas, senĉese paroli pri pli- malpli dubaj mankoj ĉe la bataliloj, tiamaniere, ke fine oni forprenas de la militistaro la necesan konfidon kaj ĝin senkuraĝigas.*

*Pli ol iam ni bezonas fidon kaj energion; pli ol iam tiuj, kiuj senlace, necedeme, malgraŭ ĉiuj kritikoj, atakoj aŭ eĉ kalumnioj defendis la lingvon, kiun donis al ni D-ro Zamenhof en sia „Fundamento“, bezonas la plenan, ofereman apogon de ĉiuj Esperantistoj; mi insiste diras de ĉiuj. Tro multaj estas efektive en niaj vicoj tiuj, kiuj volonte lasas al kelkaj la tutan ŝarĝon de la afero kaj restas kvazaŭ indiferentaj antaŭ la klopodoj de la pli agemaj kaj sindonemaj. La venkon ni tamen atingos nur dank'al la helpo, al la kunlaborado de ĉiuj, eĉ plej modestaj Esperantistoj!*

*Kaj nun, amikoj, kiam grava entrepreno kiel UEA, kiu jam tiel efike laboris por la enradikiĝo de Esperanto en nia moderna socio, postulas kelkajn spesmilojn, ĝoje alportu ilin kaj, se eble, aldonu kelkajn; kiam malnova gazeto, kiu en ĉiuj cirkonstancoj restis fidela al nia standardo, serĉas la abonojn, sen kiuj ĝi nek povas nek volas vivi, ne rifuzu al ĝi vian subtenon! Por la komuna afero ili ja batalas, kaj ilia sukceso estos vere via sukceso! Montru, ke en Esperantujo ne vana kaj sensignifa estas la bela vorto: solidareco!*

Th. Cart.

[1] *„Paris-Esperanto“ (majo 1913).*



## Al nia legantaro

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo“ speciale de la Delegitoj de U. E. A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10 kaj 25 de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.*

*La redakcio.*

## KRONIKO

**Novaj grupoj.** — *Antofagasta* (Ĉilio). — La 9 marto fondiĝis la „Centro Esperantista“. — J. F.

*Dresden* (German.). — La nova kunvenejo de la Unuiĝo „Zamenhof“ estas en la hotelo „Augsburger Hof“, Augsburgerstrasse. Kunvenoj okazas ĉiumerkrede en aparta ĉambro per busto kaj granda bildo de D-ro Zamenhof ornamita. — O. Z.

*Kladno* (Aŭstrio). — La 1. Esp. Klubo D-ro Zamenhof informas nin, ke por eviti diversajn malkomprenojn ĝi havas nenion komunan kun la Esp. Klubo, Kladno. — O. K.

*Naumburg* (German.). — Fondiĝis nova grupo kun 15 membroj; prez.: P-ro D-ro K. Schmidt. — S.

*Nevers* (Franc.). — La urbkonsilantaro voĉdonis por la Esp. Grupo monhelpon de 10 Sm. — L. P.

*Paris* (Franc.). — La 21 aprilo estis fondata provizora Loĝio framasona. La definitiva Loĝio estos fondata dum junio; ĝi estos nomata „Esperanto“ kaj laboros nur per Esperanto. — J. C.

*Prostejov* (Aŭstrio). — Post fino de la kurso fondiĝis Laborista Rondeto, kiu kunvenas en la socialista domo. Prez.: A. Tyl, Sekr.: B. Vitásek. — F.

*Sogliano* (Ital.). — S-ro Prof. M. Carolfi fondis la 20 aprilo la grupon „Soljana Klubo“. — C.

*Torino* (Ital.). — La 5 majo oni fondis dank'al la kunlaborado de S-ro Cadario, el Ĝenova, la Esp. Grupon Torino. Kiel prez. oni elektis S-ron M. de Balzac, Del. de UEA. — M. B.

*Trübau* (Aŭstrio). — Fondiĝis nova grupo. — H. Ĉ.

*Usono.* — La Centra Apartaĵo konsistanta el la tri ŝtatoj Illinois, Michigan kaj Wisconsin fariĝis Distrikta Organizaĵo laŭ la konstitucio de E. A. de N. A. kaj ĵus finis la balotadon. Kiel prez. estas elektita S-ro D-ro B. K. Ŝimonek, Chicago. La unua jara distrikta kunveno okazos dum somero 1914 en Detroit, kie la esp. sub la gvidado de S-ro D-ro J. Sigel preparas jam interesan programon. — M. K.

**Novaj kursoj.** — *Antofagasta* (Ĉilio). — Oni malfermis kursojn ĉe la unuagrada lernejo. — J. F.

*Hastings* (Angl.). — Oni komencis kurson por KnabSkoltoj kaj iliaj estroj. La du kursoj aranĝitaj de la urbestraro progresas bone. — J. B.

*Ludwigshafen a. Rh.* (German). — Komenciĝis nova kurso gvidata de S-ro Heim kun 20 lernantoj — K. M.

*Weinheim a. d. B.* (German.). — Post apero de propaganda artikolo en loka jurnalo kaj sukcesplena parolado de S-ro D-ro A. Mulert malfermiĝis kurso kun 9 anoj. — A. M.

*Wien* (Aŭstrio). — La Akademia Esp. Klubo malfermis la 23 aprilo kurson por progresintoj.

*Pilsen* (Aŭstrio). — La germana komerca akademio decidis enkonduki Esp. depost sept. 1913; kiel instruisto funkcios S-ro P. Novahradsky, Del. de UEA. — P. N.

*Trieste* (Aŭstrio). — La 19 aprilo la kurso por komencantoj finiĝis, kaj la 22 aprilo komenciĝis nova perfektiga kurso; instruas S-ro D-ro Ghez. — A. G.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Kongreso de orientbohemaj esperantistoj.* — Ĝi okazis la 18 majo en Pardubice. La programo, kiu enhavas ankaŭ teatran prezentaĵon, estas tre interesa. — V. B.

*Tria Vogtlanda Esperantotago* okazis la 4 majo en Schöneck sub la honora prezido de la urbestro S-ro Wimmer. S-ro D-ro Schramm faris paroladon pri la kultura signifo de Esp. kaj raportis pri la Saksa Esp.-Instituto en Leipzig. Balo kaj koncerto finis la feston. — H. G.

*Ĉ. Budejovice* (Aŭstrio). — La 23 marto estis aranĝita vespera festeto, kiun ĉeestis kiel gastoj S-roj Karpfen, Wien; Holleĝhe, Praha kaj Jakeŝ, Privigie (Hungar.). — V. M.

*Chicago* (Usono). — La Gradata Esp. Societo fermis la lastan kurson la 13 aprilo kaj aranĝis la 20 ekzamenojn. Okaze de la fermo oni organizis balon, dum kiu estis disdonataj atestoj al la plej bonaj lernintoj; 9 ekzamenitoj ricevis specialan rekompencon. En la nomo de la kursanoj la plej juna el ili donace transdonis al la instruinto belegan poŝhorloĝon speciale faritan kun verda stelo kaj verda metala rubando kun vorto „Esperanto". Entute la festo tre bone sukcesis. — M. K.

*Dijon* (Franc.). — La 20 aprilo la Esp. Klubo organizis feston en la granda amfiteatro de l'Palaco de Belartoj sub prezido de S-roj Herriot, urbestro, J. Godart, deputito, kaj Th. Cart, vicprez. de S.F.P.E. S-ro D-ro F. Angros, urba konsilanto, malfermis la feston per parolado pri: Esperanto ĉe la blinduloj. Poste oni prezentis gajigajn rakontojn, komedion kaj dramon en Esp. Ĉeestis pli ol 700 personoj, inter kiuj sin trovis multaj eminentuloj. La profito de tiu ĉi manifestado estas dediĉita al la esp. blinduloj. — C.

*Elberfeld* (German.). — La grupo Verda Stelo aranĝis la 4 majo ekskurson kune kun la grupoj de Remscheid, Solingen kaj Cronenberg Kassel'on de Burg a. Wupper. Partoprenis 100 personoj. Ĉiuj grupoj unuiĝos je unu ligo nomata: Bergischer Bund. — P. P.

*Philadelphia* (Usono). — La Esp. Societo prezentis en la Windsor-hotelo la teatraĵon: Ĝis la revido. Ĉeestis S-roj Lloyd kaj Abbott, gvidantoj de la Usona socialista movado. Ambaŭ laŭdis Esp. kaj unu esprimis la intencon ĝin lerni.

— La Esp. Societo sendis oficialan gratulon al S-ino E. Pankhurst, estrino de la britaj balotistinoj, okaze de ŝia liberigo. — C. C. C.

*Stockholm* (Sved.). — La grupo „Verda Stelo" havis sian solenan feston en la aŭlo de la reallernejo la 4 majo. La festparoladon faris S-ro P-ro A. Pitlik, parolante pri Praha kun lumbildoj. La reallernejo partoprenis oficiale la feston kun sia granda kanthoro kaj orkestro gvidata de muzikdirektoro S-ro A. O. Assar. F-ino E. Lindahl lerte ludis la esp. muzikon per fortepiano. Ĉeestis 500 personoj. Multe da lokaj ĵurnaloj aperigis favorajn raportojn. Novaj kursoj baldaŭ komenciĝos. — Teka.

*Villar Perosa* (Ital.). — Per la fervora laborado de S-ro P-ro Randi, la 4 majo, okazis tre bela festo okaze de la inaŭgurado de la „Rondo Esperanta". Partoprenis oficiale S-roj A. Vinay, Del. en Torre Pellice kaj M. de Balzac, Del. en Torino. La inaŭgurado okazis antaŭ la urbdomo, kaj preskaŭ la tuta loĝantaro ĉeestis la ceremonion. Oni kantis la esp. himnon, kaj poste malfermiĝis serio de paroladoj faritaj de S-roj Balzac, Randi kaj Vinay, kiuj per letero de S-ro Tellini estis nomataj profesoroj ĉe la Itala Esp. Katedro. La prez. de la loka Esp. Grupo, S-ro Damiano, prezentis al P-ro Randi oran medalon, kiun la „Rondo Esperanta" de Trieste, per S-ro Ghez, bonvolis ĝentile sendi al li. Inter la multaj aliĝoj estas rimarkindaj: L. M. la reĝo de Hispanujo, D-ro Zamenhof, la Esp. Grupoj de Parizo, Ĝenevo, Bordighera. La festo tre bone sukcesis kaj estas tiom pli notinda, ĉar en Villar Perosa, havanta nur 2000 loĝantojn, S-ro Randi povis kunigi 200 da esperantistoj. Niajn plej korajn bondezirojn de senĉesa kaj pli grandiĝanta sukceso. — M. d. B.

**Paroladoj.** — *Dôle* (Franc.). — La 27 aprilo okazis parolado de S-ro Krestanof pri la balkana milito, kiun la Del., S-ro Crébely, tradukis en francan lingvon. Ĉeestis 100 personoj. — C.

*Dublin* (Angl.). — En la reĝa kolegio de medicinistoj S-ro P-ro D-ro G. Jameson Johnston, prez. de la T.E.K.A. faris paroladon antaŭ la ĉefa Lublina medicina klubo pri Esp. kaj UEA. La parolado estis ilustrita per multaj lumbildoj de diversaj kongresoj. — J. J.

*Hochemmerich s. R.* (German.). — S-ro Pillath, Del. en Essen, faris paroladon antaŭ la instruistaro okaze de ilia jara konferenco. Ĉeestis pli ol 50 personoj, el kiuj multaj mendis esp. lernolibrojn. — P.

*Pilsen* (Aŭstrio). — La 30 aprilo okazis publika parolado de S-ro Novohradsky en granda halo de germana domo pri Esp. kaj ĝia signifo por komercistoj. Ĉeestis 160 personoj. Tiu parolado, kiu estas la unua propaganda paŝo inter germanaj rondoj en Pilsen, vekis grandan intereson, kaj la parolinto estis multe aplaŭdata. Aperis ankaŭ bonega kritiko en la loka germana gazeto „Pilsner Tagblatt". — P. N.

*Pavia* (Ital.). — Dum „Meeting futurista", la 27 aprilo, okazis sukcesplena parolado: Esperantismo kaj futurismo, kiu baldaŭ aperos en diversaj lingvoj. — P. C. M.

*Radebeul* (German.). — La 1 aprilo S-ro Kaden el Niederlössnitz faris interesan paroladon pri Esp. kaj UEA en Deutschnationaler Handlungsgehilfen-Verband; 20 personoj sin anoncis por kurso. — J. K.

*Wien* (Aŭstrio). — De la 22 aprilo ĝis la 3 junio la Akademia Sekcio de la Esp. Societo aranĝas ĉiumarde vespere publikan paroladon de S-ro J. Glück. La temoj estas la sekvantaj: la 22 aprilo: Historio de la problemo de mondlingvo; 29 aprilo: Esp. kiel solvo de la problemo de mondlingvo; 6 majo: La internacia vortaro de Esp.; 20 majo: La gramatika konstruo de Esp.; 27 majo: La organizo kaj statistiko de la esp. movado; 3 junio: Esp. literaturo kaj gazetaro.

**Paroladvojaĝo Privat.** — Nia kunlaboranto, S-ro Edmond Privat, faras nun paroladvojaĝon pri Esp. kaj UEA en la Usonaj universitatoj. Li estis akceptita ĉe la Blanka Domo de la Prezidanto de Usono, S-ro Woodrow Wilson, kiu esprimis sian simpation al movado, kiu celas alproksimigi la naciojn en maniero utila kaj praktika. S-ro Edmond Privat estis ankaŭ akceptita de la Usona Ŝtatsekretario, S-ro Bryan, kiun speciale interesis la servoj de UEA. S-ro Bryan promesis, ke la Usona registaro sin oficiale reprezentigos ĉe la Naŭa Kongreso de Esperanto. Nia kunlaboranto ankaŭ vizitis multnombrajn Usonajn eminentulojn kaj faris ĉe la Universitatoj paroladojn, pri kiuj ni raportos en venonta n-ro.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai.*

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg.* — Distrikta kunveno de UEA.

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

*Aŭgusto - Septembro* (31-2). — Kongreso de italaj Esperantistoj en *Milano.*

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

La tempo rapidas! Nur tri monatojn ankoraŭ kaj nia granda festo komenciĝos. Grava kaj peza estas la laboro de la Organiza Komitato, kaj la kongresanoj plejeble komplikigas tiun laboron prokrastante sian aliĝon ĝis la lasta momento. Ĉiumonate ni sendas oficialajn cirkulerojn al ĉiuj Esperantaj gazetoj, sed ni ne scias, ĉu ili presigas ilin aŭ ne, ĉar oni bedaŭrinde ne alsendas la koncernajn numerojn. Ni do insiste petas la administraciojn de ĉiuj gazetoj, ke ili bonvole havigu al la O. K. tiajn atestilojn.

En nia lasta kunsido ni starigis la programon de la kongreso. Laŭ tiu programo la solena malferma kunsido de la Naŭa okazos la 24-an de Aŭgusto (dimanĉo) je la tria posttagmeze; la solena malferma kunsido de UEA lundon 25-an de Aŭgusto posttagmeze. Ĉiutage, escepte merkrede, okazos la laboraj kunsidoj de la Naŭa kaj de UEA. La solena ferma kunsido de la Naŭa okazos sabaton posttagmeze. Ĉiumatene inter la 8-a kaj la 10-a, kaj ĉiuvespere post la 5-a kunvenados la diversaj fakaj societoj. La komitatoj de ĉi tiuj societoj bonvolu senprokraste komuniki al ni kiom da kunsidoj ili deziras, por ke ni povu starigi horaron.

La 24-an de Aŭgusto estos diservoj en protestanta, katolika kaj hebrea preĝejoj. Merkrede estos aranĝata belega tuttaga ekskurso al Berna Alparo. La kongresanoj troviĝos meze de la neĝa montaro kaj ĝuados nekompareblan pejzaĝon. La internacia balo, en mirinde bela salonego de la Nova Kazino okazos ĵaŭdon vespere. Ne forgesu alporti viajn naciajn kostumojn!

Kiel teatraĵon oni ludos la originalan svisan dramon „La Patreco“, verkitan de samideanino M. Wolf en Chaux-de-Fonds.

Plej bela festo de la tuta kongreso kunvenigos la Esperantistaron la 31-an de Aŭgusto sur Gurten, monto 860 metrojn alta proksime de Bern, kun elektra fervojo: Matene prezentado de la Ruĝa Kruco, poste festeno en ombra parko. Posttagmeze granda svispopulara festo kun „jodlada“ koncerto, luktado k. t. p.

Ĉiuvespere dum la kongresa semajno estos belaj koncertoj, paroladoj kun lumbildoj, promenadoj ĉirkaŭ la urbo, boatveturoj sur Aare k. t. p.

La Kongresa Libro estos tre riĉenhava kaj servos kiel taŭga kaj fidinda gvidlibro. En ĝi oni trovos la liston de ĉiuj kongresanoj, kiuj pagis sian kotizon antaŭ la fino de junio. Kiu do volas esti en tiu listo ne plu prokrastu la aliĝon. La kongresa karto kostas 6 Spesmilojn (15 frankojn), la help-kongresa karto 3 Sm. La oficialaj poŝtkartoj estas tre volonte aĉetataj (10 centimoj po peco) kaj la unua provizo da sigelmarkoj baldaŭ estos elĉerpita (100 pecoj = 0,40 Sm.).

Ni ankaŭ memorigas pri nia lasta cirkulero, per kiu ni publikigis la novajn, pli malaltajn prezojn por la loĝado.

Esperantistoj, sendante vian aliĝon, ne forgesu la adresojn de nia Komitato: Mono estu sendata al „Kantonalbank en Bern“, kaj ĉia korespondaĵo al la Universala Kongreso de Esperanto en Berno.

Berno, en Majo 1913. *La Direktanta Komitato.*

## DIVERSAĴOJ.

.·. *UEA en Londono.* — El la monata raporto de S-ro H. A. Epstein, Ĉef-Del. en Londono ni eltiras la jenajn ekstraktojn: Leteroj ricevitaj 109, forsenditaj 152 (ĝisnuna rekordo). La nombro de la membroj daŭras pligrandiĝi kvankam jam duonjaro preterpasis de la komenco de la jaro; 33 novaj membroj aliĝis farante entute por tiu ĉi jaro 188 membrojn. La nombro de la servoj ankaŭ kontentige kreskas. Dum aprilo mi plenumis 32 servojn: komerco 3; turismo 4; vojaĝantoj 3; laboro 2; studentoj 1; virinoj 1; diversaj 18. Por montri la diversecon de la servoj faritaj mi citos kelkajn tipajn servojn: „Mi sendis al Holando detalojn pri loĝejo, k. t. p. en Londono. Mi trovis por rusa sportgazeto korespondiston, kiu sendos novajojn pri la anglaj sportoj, interrilatigis rusan mielfirmon kun anglaj mielimportistoj, sendis al polo informojn pri la volonta armeo en Hindujo, sendis al italo detalojn pri dungkontraktoj ĉe anglaj ĥemiistoj, al germano ekzempleron de la tagĵurnalo „Times“, k. t. p. Dum aprilo komencis la alveno de vizitantoj al Londono; dum la monato mi renkontis kaj helpis tri vizitantojn; unu venis el Germanujo por alpreni oficon en Londono, kion mi helpis lin atingi, kaj alia estis la fama ruso, S-ro Devjatnin.“

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Ĵus aperis okaze de la Kongreso de la Federacio Esperantista Rodana, Esperanta gvidlibro tra *Valence* (Francujo), eldonita de la grupo Nova Stelo. La teksto estas akompanata de bone elektitaj ilustraĵoj. — La angla gvidlibro de *Tacoma* (Washington, Usono), tre riĉe ilustrita kaj lukse presita, enhavas Esperantan resumon. La Tacoma *Commercial Club* senpage sendos ĝin laŭ peto al ĉiu Esperantisto, kiu intencas foriri al Usono, precipe al Nordokcidenta Usono. En la prezenta cirkulero, la *Commercial Club and Chamber of commerce* aldonas: „Ni volas tie ĉi diri, ke jam antaŭ kelkaj jaroj ni komencis uzi Esperanton por reklamadaj celoj, kaj la rezultato estis tre bona. Per la internacia lingvo ni atingis la tutan mondon“. — La Kontinenta horaro eldonita de la mondfama firmo *Cook* (Esperantia Entrepreno) enhavas diverslingvan elementan frazaron; inter la lingvoj reprezentataj estas Esperanto. La saman ekzemplon sekvas de kelkaj jaroj la franca Turing-Klubo en sia jarlibro (eldono por fremdaj landoj).

## TRA LA GAZETARO

.·. *Pola Esperantisto* (aprilo). *Nova testamento en Esperanto* (Baroko):

„... Nenie estas en la tuta libro trovebla la nomo de l'tradukinto. Sed estus granda sendankeco de la Samideanaro, se ĝi ne konus lian (aŭ pli ĝuste iliajn) nomojn. Ilin ni devos same memori, kiel ni memoras la nomon de l'tradukinto de Pentateŭko kaj Psalmaro. Esperantigis la novan testamenton el la greka teksto (de Nestle) Pastro *J. C. Rust.* Lin helpis multe lia edzino kaj S-ro *A. E. Wackrill,* kiu kelkfoje legis kaj ekzamenis la manuskriptojn kaj presprovaĵojn. Kiel rezultato de ilia laboro estas stilo ĉarme simpla, flua, tia, kian oni kutime nomas biblia. Legante oni forgesas, ke oni legas fremdlingvan tekston[1]. . .“

.·. *Homaro,* monata internacia gazeto por progresemaj kulturceladoj. (Redaktoro: D-ro Uhlmann, Schussenried, (Germanujo).

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Frankfurter Zeitung* (25 marto); *Eisenacher Zeitung* (17 aprilo); *Greizer Zeitung* (19 aprilo); *Zwickauer Tageblatt und Anzeiger* (19 aprilo);

[1] Oni devas ankoraŭ rimarki, ke „La nova testamento“ estas sendube plej malmulte kosta libro esperanta. 613-paĝa volumo, bele presita, kaj tolbindita kostas 0.75 Sm., lede bindita 1 Sm.

*Dresdner Nachrichten* (19 kaj 21 aprilo); *Gross-Lichterfelder Lokal-Anzeiger* (21 aprilo); *Dresdner Anzeiger* (22 aprilo); *Westfälischer Merkur*, Münster (22 aprilo); *Münster Anzeiger*, (24 aprilo); *Allgemeiner Beobachter*, Essen (24 aprilo); *Weinheimer Anzeiger* (24, 25 kaj 28 aprilo); *Neue Vogtländische Zeitung*, Plauen (25 aprilo); *Wernigeroder Zeitung* (26 aprilo); *Neue Oberhauser Zeitung* (29 aprilo); *Central-Anzeiger*, Magdeburg (30 aprilo); *Neuer Görlitzer Anzeiger* (1 majo); *Ostdeutsche Presse*, Bromberg (1 majo); *General-Anzeiger für Halle* (1 majo); *Le Petit Troyen* (29 marto); *Le Journal de la Nièvre* (29 marto); *L'Union Républicaine*, Montbéliard (30 marto); *Le Réveil Roanne* (30 marto); *La Vie Douaisienne* (30 marto); *L'Avenir Contois*, Montbéliard (30 marto); *Pariser Zeitung* (22 marto); *Le Courrier Républicaine*, Douai (31 marto); *L'Etoile de l'Est*, Nancy (1 aprilo); *L'Action Jurassienne*, Dôle (5 aprilo); *Le Mémorial de la Loire*, St-Etienne (6 aprilo); *La Tribune de St-Etienne* (10 aprilo); *A B C*, Genève (10 aprilo); *L'Ouest*, Angers (21 kaj 29 aprilo); *Le Phare Sténographique* (aprilo); *Journal de Maine et Loire* (29 aprilo); *Le Petit Courrier*, Angers (29 aprilo); *L'Action Républicaine*, Tulle (1 majo); *La Bourse d'Orient*, *L'Alliance Israélite*; *The Daily Sun*, Gainesville (2 aprilo); *The Idaho Falls Times* (8 aprilo); *Anacortes American* (10 aprilo); *Y Brithon*, Liverpool (17 aprilo); *Newcastle Daily Journal* (18 aprilo); *Newcastle Chronicle* (18 aprilo); *Evening Mail*, Newcastle (21 aprilo); *Pitman's Journal* (26 aprilo); *Merthyr Express* (29 marto); *The Citizen*, Letchworth (2 majo); *L'Italia*, Milano (28 marto); *Il Momento*, Torino (28 marto); *Il Resto del Carlino*, Bologna (7 aprilo); *Szamosujvári Naplo* (20 aprilo); *Kurjer Kaliski* (n-ro 82); *A União Social*, Rio de Janeiro (n-ro 6); *Proudy*, Olomouc (preskaŭ ĉiu semajne); *Gefle Dagblad* (4 kaj 8 aprilo); *Sevilla Artistica* (30 aprilo); *Rakovnikê Listy* (regula rubriko).

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Centra Oficejo de UEA.** — La oficistaro de la C. O. de UEA konsistas nun el la jenaj personoj:

*J. Spiller*, ĝenerala sekretario;
*F. Lucas*, centra kasisto;
*H. Jakob*, administrado;
*Th. Lötzsch*, Esperantia Librejo;
*Ed. Bouvier*, korektisto de „Esperanto“;
F-ino *J. Virignin*, administrado.

La oficistaro laboras sub la direktado de S-roj *H. Hodler*, Direktoro, kaj *Ed. Stettler*, Vicdirektoro kaj Financa Fakestro (Bern).

Dank'al novaj aranĝoj kaj akiro de speciala slipmeblo, estas nun preparata nova kontrolado de niaj membroj laŭ racia sistemo, kiu ebligos facilajn serĉojn kaj pli severan kontrolon. Sekve de tio niaj membroj konservos konstante sian membronumeron dum la tuta tempo de sia membreco. Por faciligi nian laboron kaj malpliigi la nombron de eblaj eraroj, ni tre petas niajn Delegitojn, ke ili bonvolu tre legeble skribi la membroliston, notante zorge la adreson kaj profesion de la membroj.

**4ª Kongreso de UEA.** — La 4ª Kongreso de UEA okazos en Berno dum la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto. La dato, horoj de la kunvenoj kaj koncernaj informoj estos pli malfrue konigataj.

Sekve de aranĝo kun UEA ĉiu membro de la Naŭa Kongreso de Esperanto rajtas ĉeesti la kunvenojn de la Kongreso de UEA kaj ricevi senpage la oficialajn dokumentojn de la Kongreso de UEA. Tiuj dokumentoj estos donataj al la kongresanoj ĉe la kongresa akceptejo. Ne estos eldonata speciala karto por la Kongreso de UEA. La personoj, kiuj ne ĉeestas la kongreson kaj deziras posedi la dokumentaron, povos ĝin akiri je la libreja prezo.

Ni rememorigas, ke ĉiuj proponoj ekzamenotaj de la Kongreso devas esti sendataj al ni nepre antaŭ la 15 junio, se eble pli frue, tiel ke ni havu la tempon ilin ekzameni kaj presigi.

Pri tio oni bonvolu legi § 4, 5, 6 de la Kongresa regularo (paĝ. 73—75, Oficiala Jarlibro). Krom proponoj rilatantaj al la agado mem de UEA (komerco, turismo, junuloj kaj studentoj, laboro, virinoj, maristoj, k. a.) ni ankaŭ plezure ricevos proponojn kaj raportojn pri demandoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj interrilatoj. Ĉiu raporto (2000 vortoj maksimume) devas esti sekvata de deziresprimo por la voĉdonado.

**Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj.** — Je tiu kongreso okazonta en Gento-Bruselo la 15 ĝis 19 junio 1913, UEA elektis kiel reprezentantojn S-ron H. Bolingbroke Mudie, prezidanto de UEA, kaj S-ron A. Richardson, eksdelegiton en Bruselo. Speciala raporto pri UEA estos prezentata ĉe la nomita kongreso.

**Kongreskaravanoj.** — Okaze de la Berna Kongreso organiziĝos sub la aŭspicioj de UEA la jenaj karavanoj:

1ᵉ Marseille-Lyon-Berno. Kondukanto: S-ro *Giraud*, 2, rue du Nil, Marseille.
2ᵉ Londono-Berno. Kondukanto: S-ro *H. Bolingbroke Mudie*, 77, Kensington Garden's Square, London (sub la aŭspicioj de UEA kaj B. E. A).
3ᵉ Stuttgart-Berno. Kondukanto: S-ro *Christaller*, Neue Weinsteige 61, Stuttgart.
4ᵉ Parizo-Berno.

La horaro kaj informoj pri tiuj karavanoj aperos en niaj venontaj N-oj.

**Interkonsento kun naciaj societoj.** — La *Brita Esperanto-Asocio* aliĝis al la interkonsento inter UEA kaj la naciaj Esperantistaj societoj; S-ro *H. Bolingbroke Mudie*, prezidanto de BEA kaj UEA, estis elektita kiel reprezentanto.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 aprilo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5004 kotizaĵoj (el kiuj 141 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 359; Laborista Fako: 21; Virina Fako: 47; Studenta Fako: 32.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de UEA dum aprilo 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1398 | 1546 | 181 |

Tuta sumo: 3225. Antaŭa monato: 3868. Antaŭa jaro (sama monato): 3023.

**Novaj Delegitoj.**

*Dijon* (Francujo). — SD.: Pierre Belthet, Ecole normale d'Instituteurs.

*Halle a. S.* (Germanujo). — D.: Krietsch, Huttenstrasse 4.

*Jindrichuv-Hradec* (Bohemujo). — D.: Rudolf Fridrich, 31, Ruzova (nur dum 15/VII-15/IX).

*Kanton* (Ĥinujo). — D.: W. Hu, aux bons soins de M. Ma King-cheng, Consulat de France. VD.: Sifo, Office Standard-Oil-Compagnie.

*Monterosso-Almo* (Sicilio). — D.: Raffaelo Azzaro.

*Neugersdorf* (Germanujo, Saksujo). — D.: Josef Henke, Zittauerstrasse 180.

*Novaja-Buĥara* (Rusujo). — D.: G. A. Berkoviĉ, sred. Azia d. A. Tumasova.

*Planany per Kolin* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Josef Socha.

*Rugby* (Anglujo, Warwickshire). — D.: William Joseph Albone, 124, Bath Street.

*San Giovanni in Galilea* (Italujo, Forli). — SD.: Eugenio Berardi.

*Siracusa* (Italujo, Sicilio). — D.: Antonio Massa.

*Sogliano* (Italujo, Forli). — SD. Giuseppe Caradei.

*Tecuci* (Rumanujo). — D.: Miĥai Ulcica, strada 10. Mai No 23.

*Tunis* (Tunizio). — D.: Pierre Radenac, rue de Grenoble.

*Zeitoun* (Egiptujo, Kairo). — D.: Leon Rosenstein, Institut des aveugles.

### Ŝanĝoj.

*Anstruther* (Skotlando). — D.: C. H. Maxwell, Blair Lodge.

*Bodenbach* (Bohemujo). — D.: Josef Hauf, Teplstr. dum Majo en Neuhaus, 88. Inf. Rgt.

*Cannock* (Anglujo, Staff.). — D.: Archibald John Ashley, Old Fellow Farm.

*Davos-Dorf* (Svisujo). — SD.: D-ro W. Marchand, Chalet-Paris.

*Dresden* (Germanujo). — D.: Johannes Karsch, Dürerstrasse 15.

*Vejle* (Danujo). — VD.: Gerhard Egly, St. Bjerggade 15.

### Rimarkoj.

*Loanda* (Afriko, Angola). — Pro foresto de la Delegito oni sin turnu al la VD. Jose Maria Fazenda, Paço Episcopal.

*Melilla* (Hispanujo). — Pro foresto de la Delegito oni sin turnu al S-ro Fernando Redondo, Kapitano de E. M. en la Comd. ria Genl. de Melilla.

### Eksiĝoj.

*Bologoje* (D.: Gajdovskij); *Caracas* (D.: Maldonado).

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

∴ S-ro *Mayer* jun., Esp-iano en Goldenöls, faras la jenan proponon: „Por kolektantoj de vidaĵkartoj estas ankoraŭ tre malfacile ricevi kartojn el landoj, en kiuj ne estas multaj aŭ neniuj Esperantistoj. Inter la Esperantistaro jam nun estas multaj vojaĝistoj kaj vojaĝantoj, kiuj vizitas la plej diversajn landojn; estus do tre dezirinde por kolektantoj, se vojaĝontaj Esperantistoj kelke da tempo antaŭ la vojaĝo en tiu ĉi gazeto sciigus tiujn landojn, kiujn ili intencas viziti.

Mi opinias, ke se la kolektantoj sendus antaŭe la duoblan aŭ eĉ ankoraŭ pli altan valoron por la sendotaj kartoj, kiun sumon ĉiu pasia kolektanto certe volonte pagus, la vojaĝontaj plenumus la dezirojn de la petintoj.

Per tio oni povus facile kompletigi la kolekton, t. e., se la vojaĝonto pagita estus honestulo, alie oni perdus nur monon ne atinginte la deziritan celon. Pluaj proponoj estas dezirataj."

# Esperantia Vivo

**Franciĝo.** — S-ro L. Lamant, Del. en Limoges, kun F-ino Marie Brachet.

**Morto.** Ni kun bedaŭro estas informitaj pri la morto de S-ro J. W. Jones, el Chester (Anglujo), tre fervora kaj laborema samideano, sekretario de la Chester'a grupo kaj Esp-iano.

# Alvokoj

## Invito!

La *Distrikta Kunveno de UEA en la Distrikto Saksujo* okazos *Dimanĉon, la 1 Junio,* matene je 9½ h en *Frankenberg* en la Kafejo Schillergarten. Mi kore invitas por tiu ĉi laŭregule okazonta kunveno ĉiujn Delegitojn de la Distrikto Saksujo; kompreneble ankaŭ ĉiuj membroj kaj aliaj Esperantistoj interesiĝintaj pri UEA estos bonvenaj gastoj. Ankaŭ mi ĝojus, se Delegitoj el najbaraj regionoj partoprenus en la kunveno kaj se eksterlandaj Esperantianoj en la dirita tempo trovajaĝantaj Mezgermanujon vizitus nin. La kunveno iĝos per la raportoj de la Delegitoj kaj per la priparolado de estonta agado por ĉiuj ĉeestantoj tre interesa, krom tio en la sama tago en Frankenberg okazos la *Ligo-tago de Saksa Ligo Esperanto,* en kiu partoprenos multaj samideanoj el ĉiuj partoj de Sakslando. En festkunveno antaŭtagmeze je la 11a parolos S-ro Pastro Lösche-Wurzen pri „La partopreno de Esperanto en nia granda epoko", poste prezentiĝos lerneja klaso instruita en Esperanto, posttagmeze estos agada kunsido de Saksa Ligo kaj vespere festo, en kiu interalie estos ludata teatraĵo de la fama verkisto Hermann Sudermann „Die ferne Prinzessin", tradukita en Esperanto. La tuta tago estos tre vizitinda kongreseto, kaj mi esperas, ke per multnombra vizito de la UEA-kunveno sin montros al la aliaj kongresanoj la graveco de UEA en efika maniero. Do — ĝis la revido en Frankenberg la 1 Junio!

*Johannes Karsch,* DD., Dresden,
Holbeinstrasse 6, depost 15 V, 13: Dürerstr. 15.

## Demandaro pri studentoj

S-ro V. Setälä, Del. Helsinki, sendis demandaron pri studentoj kaj studentinoj en la universitatoj al la Delegitoj de *Upsala, Kopenhago, Kristiania, Berlin, London, Paris, Wien, Budapest, Bern.* Jam respondis la delegitoj de Bern, London kaj Paris, kiun li kore dankas. Li esperas, ke la aliaj ankaŭ ricevis la cirkuleron kaj kiel eble plej baldaŭ bonvolos respondi al ĝi.

## Ekspozicio

En Knêzeves apud Rakovnik (Bohemujo, Aŭstrio) dum libertempo (20an kaj 27an de julio 1913) Esperantista klubo el Rakovnik aranĝos propagandan ekspozicion en lernejo.

En tiu ĉi ekspozicio estos aro de ĉiuj gazetoj esperantistaj, multege da poŝtkartoj el tuta mondo, presaĵoj kaj diversaj esperantaĵoj.

Ni petas ĉiujn Esperantistojn pri helpo en nia agado kun sendado de diversaj objektoj (kiuj laŭ peto estos resenditaj) kiel glumarkoj, poŝtkartoj ilustritaj, prezaroj k. t. p. Ĉion bonvolu sendi al: S-ro Frant. X. Kuĉera, kasisto de ŝparkaso Knêzeves apud Rakovnik (Bohemujo, Aŭstrio).

## Alvoko al komercistoj

Por helpi propagandon ĉe grava komerca firmo mi tre bezonas esperantajn katalogojn, prospektojn, prezarojn pri vinoj, bonbonoj, dolĉaĵoj, konfitaĵoj, sukeraĵoj, kukaĵoj k. t. p.

Sendaĵojn danke akceptos N. Ivanov, Furŝtatskaja 32, k. 10, S-Peterburg.

## Adresaro de geknaboj

En la fino de l'kuranta jaro mi intencas eldoni „Adresaron" de geknaboj-esperantistoj, dezirantaj korespondadi. Ĉiuj infanoj en la aĝo de 5 ĝis 16 jaroj povas sendi al mi siajn adresojn por enpreso, tute senpaga. Mi petas Delegitojn kaj Subdelegitojn de UEA komuniki al geknaboj en siaj regionoj pri mia intenco kaj helpi min, kolektante for mi la adresojn. Al ĉiu helpanto mi estas tre danka!

Ĉiujn korespondaĵojn oni adresu: S-ro V. Polakov, Rusujo, Kamiŝin, Krasnaja ul. (Saratov. gub.).

## Tutlanda ekspozicio en 's-Hertogenbosch

Ankaŭ en la fremdlando oni eble scias, ke Nederlando sin preparas por festi en la somero de la nuna jaro je speciala kaj *„Malgrandan Nederlandon"* karakterizonta maniero la centjarfeston de ĝia sendependeco.

*La tuta lando unu ekspozicio* estos la granda allogaĵo por la fremdulo, kiu tiamaniere en tre mallonga tempo kaj tre facilmaniere ricevos klaran bildon de ĉio, kion Nederlando povas prezenti en la vasta kampo de arto, ŝipirado, komerco, terkulturo, industrio k. t. p.

*'s-Hertogenbosch*, la ĉefurbo de la provinco *Nord-Brabanto*, kun ĝia belega Katedralo — la plej bela Gotika konstruaĵo same el Norda kiel el Suda Nederlando — 's-Hertogenbosch, la centro kaj fokuso de la katolika vivo en Nederlando, postulis por si la rajton doni al la fremdulo daŭran impreson de tio, kion la malgranda Nederlando dum la centjaroj produktis sur la kampo de religia arto, en la plej vasta senco de la vorto, kaj inter ĝiaj landlimoj kolektis.

Konforme al la religie diversspeca karaktero de nia popolaro tiu ĉi ekspozicio enhavos diversajn sekciojn, kiuj koncernos la Izraelidan kulton, la Katolikan kaj Protestantan en ĝiaj diversaj nuancoj, kaj ĝi donos tiamaniere brilan bildon de tio, kion la arto por la Religio kaj la Eklezio en Nederlando starigis.

Dank' al la kunlaboro de la plej konataj artistoj, artekspertistoj kaj artprotektantoj el la tuta lando kaj al la ĝenerala helpo de la eminentuloj de ĉiuj religiaj sektoj, la Komitato por la organizado de tiu ĉi grandeca *nacia entrepreno* jam ricevis de diversaj flankoj influan kunlaboron kaj la promeson de rimarkindegaj alsendaĵoj, kiuj aliokaze neniam estas ekspozataj por la publiko.

Tial estas nepre sendube, ke 's-Hertogenbosch vere brilmaniere kunfestos la centjaran sendependecon de Nederlando kaj prezentos al la fremdulo tian ĝuon sur la kampo de antikva arto, kian ankoraŭ neniam oni antaŭe povis atingi en Nederlando.

Kiel artplenan interesaĵon oni kunligos al la ekspozicio diversfojan ludadon de antikva Maria-teatraĵo, kiu en la mezepoko multfoje estis montrata sub la aŭspicioj de la magistrataro en Bruxelles kaj kiun en la unua duono de la 16a centjaro oni ankaŭ diversfoje ludis kun granda sukceso en 's-Hertogenbosch, en la ombro de la plej bela katedralo de Nederlando. Tiuj-ĉi teatraĵoj, kiujn ludos la plej kleraj el niaj geurbanoj, promesas esti, se ne la „clou", tamen unu el la plej grandaj interesaĵoj de tiu ĉi je ĉiuj vidpunktoj artplene organizota ekspozicio.

Al tiuj, kies vizito al Nederlando okazos pli pro komercaj ol pro artistaj motivoj, ni povas sciigi, ke 's-Hertogenbosch estas la ĉefurbo de la industria provinco Nord-Brabanto kaj kuŝas en la centro de la grandindustrio de Nederlando.

El la multspecaj artikoloj, kiuj estas fabrikataj en Nord-Brabanto, ni nomas nur: Cigarojn, ŝuojn, plumbajn kaj stanajn tubojn, maŝinojn por la laktaĵ-industrio, pajlajn botel-kovrilojn, kapsulojn, konfekcion, tolaĵon kaj damaskon, „buksking"-ojn, margarinon, „klomp"-ojn (lignajn ŝuojn), elektrajn lampetojn, presitajn katunojn, najlojn, kukojn, biskvitojn k. t. p.

Estas nia firma konvinko, ke fremdlandaj importistoj per vizito al la ĉefurbo de Nord-Brabanto povos sukcese plimultigi siajn komercrilatojn kaj ankaŭ aĉeti multajn gravajn por sia lando artikolojn, kiuj sukcese rivalos ĉiun konkurencon.

*La Ekspozicio-Komitato*
*(Esperantia Entrepreno.)*

PS. Oni bonvolu traduki tiun ĉi cirkuleron nacialingve kaj enpresigi ĝin tute aŭ parte en la lokaj gazetoj kaj por propaganda celo sendi specimenon al S-ro M. van der Bruggen, Orthenstraat, Delegito de UEA en 's-Hertogenbosch (Nederlando).

## Al hispanaj komercistoj

La Centro de Komerca Informado de la Eksterlanda Ministrejo de Hispanujo decidis eldoni por 4 lingvoj nomaron de la ĉefaj eksportvendistoj hispanaj. Oni anoncos nur firmojn seriozajn. La nomaro enhavos la nomojn de eksportistoj kaj la lingvojn per kiuj ili povos korespondadi. La eldono konsistos el 25,000 ekzempleroj, el kiuj 20,000 estos tuj disdonitaj en eksterlando. La lasta dato por ricevi aliĝojn estas la 25 majo. Sin turni al *„Centro de Informacion comercial. Ministerio de Estado-Madrid.* Ni tial proponas:

1e Ke ĉiu hispana vendisto aliĝu, se li povas korespondi Esperante.

2e Ke oni petu, ke unu el la lingvoj per kiu oni presos la *nomaron* estu nia kara Esperanto. *Hispano.*

## Internacia ekspozicio por poŝtmarkoj

Grava ekspozicio de poŝtmarkoj okazos en *Parizo* dum tiu somero de la 21 ĝis la 30 junio ĉe *„le Palais de Glace"*, en la plej bela arondismento de Parizo, nomita *„Champs Elysées"*. La ekspozicio estas organizata de la Franca Societo por Filatelio (*„Société française de timbrologie"*) kaj de la ĉefaj francaj asocioj, inter kiuj la sekcio de la Franca Turing-Klubo. La registaro akceptis la patronecon. Estus necese, ke multaj esperantistaj filatelistoj ĉeestu tiun ekspozicion kaj ankaŭ ekspoziciu kaj skribu al la organizantoj; samtempe okazos kongreso por la poŝtmark-vendistoj. Petu informojn en Esperanto de la ĝenerala Komisaro S-ro Coyette, 136, Boulevard Magenta, *Paris.*

## Peto

S-ro Maurice Kohan, bona Esperantisto, kiu vivis multajn jarojn en Arĝentino, estis kelktempe en Frankfurt a. M. kaj faris multe da konatiĝoj kun gesamideanoj subite, forlasis nian urbon. Neniu, eĉ ne liaj parencoj, scias, kien li iris. Ĉar S-ro Kohan ofte korespondis kun eksterlandanoj, eble troviĝos samideano, kiu konas lian nunan adreson. Li tiuokaze konigu tion al S-ro E. Hummel, Eschersheimer Landstr. 63, Frankfurt a. M. (Germanujo).

## Orienta Francujo

Niaj Delegitoj de Nancy kaj Toul provas federi la grupojn kaj izolulojn de Orienta Francujo. La grupoj aŭ la samideanoj, kiujn la afero interesas, estas petataj sin turni al S-ro Gervois, 20, rue de Ménin, *Toul,* kiu donos al ili informojn pri tiu estonta federacio.

## Al ĉiulandaj geinstruistoj!

Pro statistikaj kaŭzoj mi estus dankema al ĉiulandaj geinstruistoj, se ili donos al mi informojn pri instruado de Esperanto en lernejo.

*Julie Supichová,* instruistino,
522 Ječna 36, *Praha II* (Bohemujo).

## Esperantista turista ekspedicio al Laplando

Je la penso pri Laplando, la plej norda parto de Eŭropo, ni plej ofte eksentas frosttremeton, kaj antaŭ niaj spiritaj okuloj aperas glacimontegoj kaj senlima glaciejo, kies loĝantaro konsistas el blankaj ursoj kaj alcionoj; multfoje mi eĉ aŭdis la opinion, ke tie ankaŭ vivas kelkaj Eskimooj kiel reprezentantoj de la homaro. Pro tio certe nur malmultaj povas imagi, ke Laplando estas terparto kies strangaj naturbelaĵoj estas tute unikaj. La monta ŝtonegaro alternadas kun muĝantaj riveregoj, kiuj formas la plej grandiozajn akvofalojn de Eŭropo, kaj super ĉio brilas la suno senĉese tage kaj nokte dum kvar someraj monatoj. Kelkaj junaj naturamantaj samideanoj el Germanujo kaj Svedujo nun intencas fari vojaĝon trans la plej interna Laplando por pasigi kelkajn monatojn en vere nefalsita naturo kaj admiri ĝiajn vidindaĵojn. Dum nia preparado ni tamen konvinkiĝis, ke la entrepreno estus multe pli interesa kaj donus pli grandan rezultaton, se multe da diverslandanoj partoprenus en tiu unika ekspedicio. La ekspedicio forlasos *Stockholm* en la komenco aŭ mezo de Junio, veturos al Haparanda kaj marŝos de tie norden tra preskaŭ tute sovaĝaj regionoj, vizitante la plej vidindajn lokojn, Laplandanojn k. t. p. ĝis Hammerfest kaj Nordkap. De tie oni uzos ŝipon aŭ daŭrigos laŭvole la vojon suden tra Norvegujo. Intervoje oni ĉasos, fiŝkaptos k. t. p. por havigi la plej multan de la necesa nutraĵo. Ni deziras nun, ke ankoraŭ kelkaj aliĝu, sed nur Esperantistoj, ĉar la interparolo estos senescepte esperante. Estas ankaŭ

intencite eldoni la rezultaton de la ekspedicio en formo de priskribaĵo de la vojaĝo en la lando de la meznokta suno. Samideanoj, kiuj interesiĝas pri la entrepreno, povas ricevi informojn pri detalaj demandoj de la subskribinto; sed respondu kiel eble plej baldaŭ.

Por la Direktanta Komitato
*Wilh. Herbst,*
Roslagsgat. 18, Lindström, *Stockholm* (Svedujo).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AUSTIN (Usono, Minn.) — S-ro C. H. Gibbons (kun ĉiuj landoj, prefere kun Azio kaj Afriko).

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Petro Aguilo, komercisto, strato Provence 135, Pl.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro J. Mayolas, str. Mariano Aguilo 109-3-2. Pl. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, Pl. PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUENOS AIRES (Arĝentino). — S-ro L. Sarmiento, S-ta Adelaida 537

ĈERNIGOV (Rusujo). — S-ro K. von Hageman, Pl. L. PM. bfl. (kun ĉiuj landoj, serĉas korespondanton en Bern).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, Pl. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

HRONOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Turek, PK. Pl. PM.

JASLO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Salomon Kornfeld studento, Pl. PM. (kun ĉiuj landoj, precipe kun neeŭropanoj).

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, Pl. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KIEV (Rusujo). — S-ro Nikolao Peĉkovskij, 9-jara, Nestorovskaja 19, Pl. PM. (kun ĉiuj landoj; skribu france, angle germane; estas esp.-igebla).

LEIPZIG (Germanujo). — S-ro Ernst Philippi, Langestr. 41 b III, Pl. bfl. (kun ĉiuj landoj).

ODENSE (Danujo). — S-ro Carl Rasmussen, Vesterbro 119.

OSNABRUECK (Germanujo, Vestfalio). — S-ro Edmund Himmelstoss, Jahnstr. 13, librotenisto, Pl. PM. L. (ankaŭ kun junaj fraŭlinoj).

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Juan Urgelles, 56, Apuntadores, Pl. PM. L.

PARIS (Francujo). — S-ro G. Knopf, 54, rue Compans, Pl.

PARIS (Francujo). — S-ro A. Lefrand, 9, rue du Renard, Pl.

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Leonido Karagodskij, studento, Lesnoj, Politeĥniĉeskij Institut (kun ĉiuj landoj).

PHILADELPHIA (Usono) XXXIa. — S-ro Armand B. Coigne, 2157, East Cumberland Street. (Nur L. kun seriozaj geesperantistoj pri gravaj temoj, precipe filozofio, religio kaj ateismo. Deziras interŝanĝi kredojn kaj argumenti pri la cititaj temoj, ankaŭ trovi sampensanon. Poŝtkart-kolektantoj ne ricevos respondon.

PORTO (Portugalujo). — S-ro Candido Madeira, Rua das Fontainhas No. 157, Pl. bfl. (naciaj kostumoj kolorigitaj).

PSKOV (Rusujo). — S-ro Andreo Ŝirginov, gimnaziano, Uspenskaja ul., d. Tokareviĉ, Pl. (kun nerusoj, prefere kun loĝantoj de Kopenhago kaj ekstereŭropanoj).

RIĈANY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Em. Batek, Pl. (kun ĉiuj landoj, precipe kun Japanujo, Hindujo k. t. p. pri popolkantoj kaj lernejoj, li disvastigas ankaŭ komercanoncojn kaj kolektas por esp. ekspozicio diversajn gazetojn, gvidfoliojn, vidaĵkartojn k. t. p.

RONŜPERK (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jos. Ŝmula, farmaciisto, Pl. PM. L. (kun ĉiuj landoj).

TOULON (Francujo, Var.). — S-ro Henri Bayol, 26, rue Sicard, Valbourdin.

TURKU-AABO (Finlando). — S-ro Jyko Vesa, Käsityöläiskatu 20 (pri esp. movado en ĉiuj landoj).

VARSOVIO (Rusujo, Polujo). — S-ro Witold Kurelski, studento (per esp. stenografio: Stolze-Schrey).

VŜECHROMY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jos. Jiŝe, terkulturisto, n-ro 1, poŝto Strančice, Pl. L. (pri terkulturo).

WARNSDORF (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Adolf Peschel, 308/III (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AL ĈIUJ PERSONOJ, precipe al ĵurnalistoj, interesas sendi sian adreson al Antonio Pla, Ancha 90, Barcelona, Hispanujo. Vi gajnos monon.

AVIZO. S-ro FR. FLECK, ĝisnuna ĝenerala sekretario ĉe UEA, pro eksiĝo el sia ofico petas ĉiujn gekorespondantojn, ke ili bonvolu adresi personajn leterojn al la nova adreso: *München, Türkenstrasse 96 (Germanujo).* Korespondaĵojn por UEA oni bonvolu adresi sen aldono de nomo.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller,* 21, rue de Lorraine, *Beaune,* Côte-d'Or, Franclando.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

LERNLUDO ESPERANTA. — Bonega ilo por komenculoj kaj progresuloj dezirantaj bone-lerni nian karan lingvon. Sendu senprokraste poŝtmandaton aŭ ĉekon de unu spesmilo al Eldonejo Esperantista, adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando.

MUZIKO. — Studanto de diversnaciaj kantkarakteroj deziras aĉeti kolektojn da notoj de popolaj klasikaj kantoj por violono solo, de jenaj nacioj: franca, hispana, itala, rusa, hungarcigana, tirolsvisa kaj ĉiuj ekstereŭropaj. Proponojn oni bonvolu sendi al Esperanto-filantropa Societo Leo Tolstoj, Osnabrück, Germanujo, Hotel Germania.

NATURADORANTA junulo serĉas familion en Svisujo aŭ ĉe marbordo en bela kaj sana loko. Kiu akceptas lin kiel pagantan gaston de 15 junio ĝis 15 septembro. Adreso: Ludoviko Ihasz, Budapest I, Bors str. 5 (Hungarujo).

NATURSCIENCA INSTITUTO DAVOS-DORF invitas ĉiujn geprofesorojn, studantojn, naturamantojn, dezirantajn studi la Alpan klimaton, geologion, kreskaĵojn, bestojn, insektojn k. t. p. kaj ĝui samtempe belegan kuraclokan ĉirkaŭaĵon. Laborejo, biblioteko, faka instruado, en lingvoj germana, angla, franca, esperanta. Skribu pri kiu fako vi interesiĝas kaj petu kondiĉojn de D-ro W. Marchand, Davos-Dorf.

PORTUGALAJ POŜTMARKOJ. — Kovertoj kun diversspecaj poŝtmarkoj de Portugal kaj de portugalaj kolonioj, garantiitaj kaj ne difektitaj, uzitaj kaj neuzitaj:

| Diversaj kolonioj | | Nur portugalaj | |
|---|---|---|---|
| 50 poŝtmarkoj . . . | Sm. 0.80 | 25 poŝtmarkoj . . . | Sm. 0.40 |
| 75 „ . . . . | „ 1.25 | 40 „ . . . . | „ 0.60 |
| 100 „ . . . . | „ 1.70 | 50 „ . . . . | „ 1.— |
| 150 „ . . . . | „ 3.— | 75 „ . . . . | „ 2.80 |
| 200 „ . . . . | „ 5.— | 100 „ . . . . | „ 4.50 |
| 300 „ . . . . | „ 9.50 | Portugalaj kaj koloniaj | |
| 400 „ . . . . | „ 17.50 | 150 poŝtmarkoj . . . | Sm. 3.— |
| 500 „ . . . . | „ 25.50 | 200 „ . . . . | „ 4.— |

*Gluitaj sur kajeroj.* — Diversaj kolonioj: 600 pm. 43 Sm; 700 pm. 52 Sm.; 800 pm. 82 Sm.; 1000 pm. 140 Sm.; 1200 pm. 215 Sm.

Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ per ĉeko de nacia banko.

Por tri respondkuponoj mi sendos, afrankite, 10 diversspecajn poŝtmarkojn de portugalaj kolonioj.

Adreso: José Carvalhido, L. Abegoaria, 29 1o, Lisbono, Portugal.

TEKSARTO. — Specialisto de l'teksindustrio deziras interŝanĝadi kun franca, angla, bohema, japana kaj ĥina nacioj specimenojn de teksaĵoj precipe silkaj, laŭeble Jacquard-maŝine teksitaj. Oni bonvolu sendi proponojn al Esperanto-filantropia Societo Leo Tolstoj, Osnabrück, Hotel Germania, Germanujo.

26-jara FRAŬLO, bankoficisto, kun 4-jara praktiko, havas bonajn referencojn, perfekte posedas rusan kaj esp. lingvojn, iom konata kun franca kaj germana lingvoj, dezirante iri eksterlanden, serĉas ie ajn konvenan oficon. Adreso: Lozovaja, Rusujo, Ekaterinoslava gub., al sekretario de Esp. Societo G. A. Ŝmerkoviĉ.

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

### GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE GENÈVE

### Ekstraktoj el la katalogo:

Prezo (afrankite Sm)

Edmond PRIVAT. — **Historio de la lingvo Esperanto,** 54 p. 0,50

Tiu grava verko traktas pri la historio de Esperanto de 1887 ĝis 1900, t. e pri la plej malmulte konata kaj plej interesa periodo de nia novado. Per kelkaj ĉapitroj la aŭtoro majstre konigas la ĉefajn faktojn de nia historio, montras ilian signifon, kaj priskribas kelkajn el la plej famaj Esperantistaj pioniroj. Rekomendita por kandidatoj al Esperantaj ekzamenoj.

Edmond PRIVAT. — **Tra l'silento,** 30 p., Dek originalaj poemoj. Kun pergamena kovrilo . . . . . . . . 0,60
Kun bovida ledo . . . . . . . . . . . 1.—

Edmond PRIVAT. — **Karlo.** Rakonto en 20 ĉapitroj, 36 p. 0,20

Tiu verko estas uzata kiel legolibro en Esperantaj kursoj de Anglujo, Francujo, Italujo, Rusujo, Germanujo kaj aliaj landoj, pro sia *klara* kaj *facila* stilo.

H.-A. LUYKEN. — **Paŭlo Debenham,** 228 p. . . . . . . . 1,12

Grava romano originale verkita. Rekomendinda tiel pro sia interesa enhavo kiel pro sia bonega stilo.

H.-C. MEES. — **La kaŭzo de la senlaboreco,** 58 p. . . 0,60

Originala verko pri la grava problemo de la senlaboreco, kun nova teorio pri la kaŭzoj de tiu socia malbonaĵo. Tre interesa kaj nova studo.

Prof. Dro A. FOREL. Trad Dro F. UHLMANN. — **Kulturceladoj de la nuntempo,** 52 p. . . . . . . . . . . 0,50

Tiu nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en konciza, interesa kaj populara maniero.

Klo WISEMAN. Trad. E. RAMO. — **Fabiola,** 428 p. in-8a. 1,74

Granda romano pri la katakomboj kaj la komencoj de Kristanismo. La stilo estas tute rekomendinda.

E. RAMO. — **En Svislando,** 104 p. . . . . . . . . . . 1,30

Karakterizaj tradukoj el plej bonaj svisaj aŭtoroj.

NACILINGVAJ PROPAGANDAJ BROŜUROJ.

**L'Espérantisme** (france) . . . . . . . . . . . . }
**The Esperantism** (angle) . . . . . . . . . . . . } 0,10
**Der Esperantismus** (germane) . . . . . . . . . }

Broŝuro da 24 paĝoj, klariganta la Esperantisman ideon, la organizon kaj servojn de U. E. A. kaj la esperantan gramatikon. Tre utila al ĉiuj propagandistoj. Rabato da 33⅓ % por mendoj de pli ol 9 ekz. Sendkosto ekskluzive.

NACILINGVAJ PROPAGANDAJ FOLIOJ.

**Les relations internationales** (france) . . . . } 10 ekz. 0,10
**The International Relations** (angle) . . . . . . } 100 ekz. 0,70
**Die internazionalen Beziehungen** (germane) . }

Folio faldita en broŝura formo de 8 paĝoj. Informoj pri U. E. A. kaj Esperanto. Tre taŭga por disdonado.

## ESPERANTO-OFICEJO OSKAR ZIEGLER

### Stuttgart, Heusteigstr. 56

(Konto ĉe Ĉekbanko Esperantisto, London)

liveras tuj je originalaj prezoj

**ĉiujn Esperantistajn librojn**

poŝtkartojn, insignojn, sigelmarkojn k. t. p. Por alsendo de 10 Sd ĝi liveras multajn diversajn specojn da Esp. sigelmarkoj.

Ĵus aperis:

12 Esp vidaĵkartoj de Stuttgart (en bela kovrilo) Sm 0.300
Germanaj popolkantoj . . . . . . . . . Sm 0.100
Novaj Esperantistaj sigelmarkoj, kvarkoloraj po 100 ekzempleroj . . . . . . . . Sm 0.500
(Por la sigelmarkoj oni serĉas en ĉiuj landoj revendistoj, al kiuj estos konsentata granda rabato.)
Sigelmarkoj rondaj, kun la verda stelo kaj la ĉirkaŭskribo „Esperanto korrespondata", po 100 ekzempleroj . . . . . . . . . . Sm 0.200

## Esperanta Biblioteko Internacia

Tiu ĉi biblioteko enhavas facilajn legaĵojn de ĉiulandaj eminentaj esperantistoj. Ĝi tial bonege taŭgas por ekzercado de la lingvo, ĉu dum la grupaj kunvenoj, ĉu per privata legado. Ĝis nun aperis N-oj 1—24. La kolekto estas daŭrigota.

*Ĉiu libreto enhavas 40—50 paĝojn.*
*Prezo por kajero 0.100 Sm (0.20 M)*
*(duoblaj numeroj 0.200 Sm).*
*Serio da 12 volumoj (afrankite) 1.250 Sm (2.50 M),*
*eksterlanden 1.400 Sm.*

**Studo per Ludo** Kvartet-Ludo por amuzo kaj por lernigi la konversacion en Esperanto. Konsistas el 100 kartoj kun 100 zorgeme elektitaj frazetoj de la ĉiutaga vivo. *Prezo: Sm 0.700 afrankite.*

**Germana Esperantisto** Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto.

Oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio.

| | |
|---|---|
| Eldono A, eliranta la 5an de ĉiu monato, celas la propagandon de Esperanto. | Eldono B, eliranta la 20an de ĉiu monato, estas pure literatura. En ĉiu numero ilustraĵoj. |

**Jara abonprezo por ĉiuj landoj M. 4.80 (2.400 Sm).**

**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1,**
Struvestrasse 40.

NOVA LIBRO:

**D-RO ANDREO FIŜER.** *Esperanta Legolibro,* dua eldono kompletigita, 116 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,300.

**D-RO ANDREO FIŜER.** *Historieto de Esperanto* (premiita de la VII-a Kongreso), 48 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,200. Haveblaj ĉe la aŭtoro (77, Elisabet-str. *Tiflis,* Rusujo) kaj en Universala Librejo (Genève). Transpagiloj de Ĉekbanko Esper. kaj internac. respondkuponoj estas akceptataj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO